## ENHAVO



**Saluton karaj legantoj kaj amikoj de nia revuo!**
En viaj manoj troviĝas duobla numero, dediĉita al la glora jubileo de TEJO (jes-jes, en la jaro 2008 nia organizo iĝis 70-jara!). Feliĉe aŭ malfeliĉe, sed por tiu ĉi numero signife pli multe kontribuis la esperantistoj, kiuj aktivis en TEJO antaŭ ĉ. 30-40 jaroj. De unu flanko, tio estas ja bona – mi certas, ke multaj junaj kaj modernaj TEJO-anoj kun intereso legos la rememorojn de niaj antaŭuloj pri tio, kia estis la organizo en sia iom pli juna aĝo. Sed de la alia flanko, tio estas iom ĉagrena – ĉu la gejunuloj tute ne interesiĝas pri la nuno de TEJO aŭ havas nenion por diri? La malaktivemo de niaj legantoj (almenaŭ iuj legantoj devas ja ankaŭ ion verki por la revuo) parte kaŭzis ankaŭ la malfruiĝon de tiu ĉi numero...

Tamen, la vivo daŭras kaj mi kore invitas ĉiujn aktive kontribui por la sekvaj numeroj. Ni kune faru la revuon interesa kaj diverstema!

Ne hezitu verki pri tio, kio vin interesas – preskaŭ certe viaj artikol(et)oj havos dankoplenajn legantojn!

Ekde tiu ĉi numero nia revuo havas novan grafikiston, Lucas Vignoli Reis, kiu nun ellaboras por la revuo novan grafikan aspekton (en la sekva numero aperos la intervjuo kun li).

***Paŭlo (la redaktoro)***

**Kiel sendi kontribuojn al Kontakto?**

- Sendu prefere tekston originale verkitan en Esperanto aŭ foton/bildon memfaritan.
- Se vi sendas tradukon, bv. indiki la originajn fontojn, lingvon kaj aŭtoron. Ĉe fabelo indiku, ĉu ĝi estas popola (kaj de kiu popolo) aŭ verkita de vi.
- Kontakto ne estas movada revuo, do ne sendu al ĝi primovadajn raportojn!
- Indiku, ĉu via artikolo jam aperis, aŭ estas proponata al alia revuo.
- Fotoj devas esti bonkvalitaj, ne gravas ĉu nigrablankaj, ĉu koloraj. Ne forgesu aldoni la nomon de la artisto aŭ de la fotinto!
- Dikajn kovertojn prefere sendu registritaj.
- Rete bonvolu sendi vian artikolon kiel kutiman retmesaĝon aŭ RTF (bv uzi x-kodon por supersignaj literoj); bildojn – kiel JPEG (150-300 dpi)
- Ilustraĵoj kaj adresoj en la interreto, kiuj rilatas al via temo, estas tre bonvenaj!

**Koran antaŭdankon!**

**Temoj de la venontaj numeroj de Kontakto**

**Numero 228 (2008:6).** *La ĉef-temo: "Politikaj unioj – ĉu vere unuecaj?" Ne estas sekreto, ke kvankam la limoj inter ŝtatoj fariĝas pli kaj pli efemeraj, ili plu restas en la homaj kapoj. Kiel la diafaneco de la limoj ŝanĝas nian vivon? Kiom similaj kaj unuecaj fariĝas la landoj kaj kulturoj en Eŭropo kaj en aliaj superŝtataj unuiĝoj (modernaj kaj iamaj)? Rakontu, legu, diskutu!* ***Ankoraŭ estas spaco por via kontribuo.***

**Numero 229 (2009:1)**. *La ĉef-temo: "Superstiĉoj, mitoj kaj popolaj kredoj". Ĉu vi timas sidi ĉe tabloangulo, se vi ankoraŭ ne havas fianĉon? Aŭ ĉu vi eble tenas aŭgur-kartojn en via tirkesto kaj ĉiutage kontrolas la sorton? Kiaj mitoj kaj kredoj (historiaj, literaturaj aŭ eĉ politikaj) estas popularaj en via lando? Ĉu vere kokakolao helpas kontraŭ terpoma skarabo? Rakontu pri viaj superstiĉoj, pruvu iun miton aŭ refutu iun miskredon!* ***Ankoraŭ estas spaco por via kontribuo.***

# TEJO 1938 – 2008 – 2078

*Okaze de diversaj jubileoj oni kutimas prezenti iujn superrigardojn pri la travivitaj okazaĵoj kaj fari prognozojn pri la okazaĵoj iam travivotaj. Jen la (duon-)oficiala opiniaro de la TEJO-prezidanto.*

*Gregor Hinker, Aŭstrio*


Gregor Hinker (fotita de Ziko van Dijk)

Se oni provus karakterizi la agadon de TEJO (fondita, interalie, en la jaro 1938 dum la unua "Internacia Junular-kunveno" sub la nomo "Tutmonda Junulara-Organizo" laŭ la iniciato de s-ino Elisabeth van Veenendaal) dum la pasintaj jardekoj, la supozeble unusola valida karakterizo estus, ke ĉiam TEJO agadis (kaj sentis sin) iamaniere enmovade "avangarda". Movadaj tendencoj kaj teknikoj, diskutoj kaj disputoj ofte radikis en la junulara movado.

**La "junulara programo" kaj la postideologismo**

Jam la fakto de ĝia fondiĝo markis karakterizan paŝon por la movado: la organizado de distingita kongreso por junuloj kaj la fondo de la junulara organizo tributas al la konkludo, ke malgraŭ similaj celoj, la metodoj kaj strukturoj de junulara agado ne nepre kongruas kun tiuj de la ĝenerala movado.

En la jaro 1980, dum la IJK en Raŭmo, TEJO-anoj naskis la plej grandan ideologian konflikton en la Esperanto-movado. La dum multaj jaroj sekvantaj intensaj debatoj pri la finaj celoj de la Esperanto-movado montris, ke tiuj demandoj ne estis teoriaj, sed respegulis gravajn ŝanĝojn en la percepto de la mondo kaj la rolo, kiun en ĝi ludu la Esperanto-movado.

**En cifereca epoko**

En la 1990-aj jaroj, la cifereca revolucio turmentis la mondon kaj dum kelkaj jaroj kreis fosaĵon inter la – ĉefe junaj – uzantoj-majstrantoj de la novaj teknologioj kaj tiuj, kiuj kredis ke "ciferecio" estus efemera moda fenomeno. Anoj de TEJO ekde la komenco estis inter la plej intensaj uzantoj de la novaj teknologioj, kaj la evoluoj kiel lernu.net radikas en TEJO-seminarioj. Kiel (dume!) lastan el multaj paŝoj necesas mencii la fakton, ke en 2009 "Pasporta Servo" plennivele translokiĝos en la reton sen fortranĉi siajn radikojn en la "malcifereca" mondo.

**Kia TEJO en 2078?**

Kiuj estos la roloj de TEJO post aliaj 20, 40 aŭ 70 jaroj? Kiel ĝi difinos sin mem, kiuj estos ĝiaj prioritatoj, kiamaniere interagos ĝiaj aktivuloj? Almenaŭ defioj alfrontendaj ne mankas.

La Esperanto-movado devas trovi sian profilon en la tutmondiĝanta mondo – la mondo, en kiu ĝi perdis multajn privilegojn, pri kiuj antaŭe ni disponis diference de la cetera mondo. En la cifereca epoko la obstakloj, kiuj baras internacian komunikadon, ne plu estas perceptataj same evidente kiel antaŭe, kaj la eksterordinareco de internacia movado, kiu ligas elstaran diversecon de ideoj, identecoj kaj kulturoj kun komuna fundamento devas esti komunikata per novaj manieroj.

**Ekster klasikaj organizformoj**

El vidpunkto de la Esperanto-organizoj TEJO kaj UEA la neeviteble alfrontenda defio estas la fundamenta difino de la organizo mem. La "klasikaj" organizformoj ne plu korespondas kun la bezonoj de la retaj generacioj, kaj la emo sin dediĉi al organizo estas jam antaŭlonge anstataŭita de la sindediĉemo al projektoj kaj ideoj. Multaj anoj de la junaj generacioj perceptas sian komunumon kiel aron de libere asociitaj individuoj.

Ofte jam ene de TEJO mem ni spertas malfacilaĵojn adapti niajn organizajn strukturon kaj agadon al la nunaj realaĵoj. Tamen, mia imagaĵo estas, ke TEJO daŭre ludos sian plej naturan, plej sukcesan rolon: flanke de kvereloj kaj konfliktoj internaj kaj eksteraj ni estu la avangardo de la per si mem avangarda Esperanto-movado, plu kreante novajn konceptojn, teknikojn kaj vortojn...

Bonan feston al ĉiuj TEJO-anoj! Kuraĝon kaj obstinon!

# Prelegeto de Gregor Hinker pri la 70-jariĝo de TEJO

*La prezidento de TEJO prelegis en la ĉi-jara IJK en Szombathely, Hungario*


Gregor Hinker

Estimataj gesinjoroj, karaj esperantistinoj, esperantistiĉoj, esperantistoj, gesamideanoj kaj gemalsamideanoj!

Okazis en la jaro 1938, ke en la lastaj radioj de la antaŭmilita vespera suno du junaj nederlandanoj naskis bebon de espero – nian karan jubileanton. Ŝliaj gepatroj – s-ino Van Veenendaal-Bouwes kaj s-ro Van Veenendaal – estis instruista paro, kiu ne povis multon oferti al sia ido, kaj tamen, nutrante ĝin per iliaj kredo je l' homar' kaj idealismo esperanta, ofertis al ĝi la plej valoran donacon.

Ĉu en tiuj fruaj tagoj la gepatroj povus antaŭvidi, ke jam en la aĝo de 14 jaroj ilia ido petos nomŝanĝon ĉe la registriĝ-oficejo, kaj ke kelkajn jarojn poste ĝi elektus novan adopt-patrinon (cetere ne sen financaj interesoj, kiel poste evidentiĝis)? Komune ili travivis la katastrofon de la mondmilito, kaj komune ekvivis en novnaskiĝanta Eŭropo.

Enirante sian junulan aĝon, nia jubileanto komencis ribelumi – trajto en ŝlia personeco, kiun observi eblas en ĝia tuta plua vivsinsekvo de temp' al temp' – kaj al si mem donis novan nomon. La ligo kun ŝlia adopta patrino elektita en 1956 (en l' aĝo de 18 jaroj) radikas jam el ŝliaj plej fruaj infantagoj, nutrita per okulfrape similaj interesoj. Tamen daŭris ĝis 1971, ke la nova patrino akceptis loĝigi la elektitan idon en sia domo kaj pagi al ŝli poŝmonon (kaj fojfoje ŝliajn ŝuldojn).


Festo de 70-jariĝo de TEJO

Intertempe, nia jubileanto aktivis en diversaj metioj, sen iam ajn akcepti redukti sin mem je la tiumomenta rolo: ŝli estis instruisto, foje diplomato, dancisto, scienca esploristo de alkoholaĵoj, foje projektmastrumisto, foje informadikisto. Foje ankaŭ pigrulo. Plej ofte – ĉiuj samtempe.

Ĝis nun nia jubileanto naskis tri idojn: ĝia unua estas malprofesia, sed des pli entuziasma biciklisto, kiu jam plurfoje rondiris la mondon. La dua estas ekde frua aĝo aktiva talenta rokmuzikisto, kiun la festito oficialigis kiel idon tamen nur 3 jarojn post ĝia naskiĝo. La 3-a ido ene de mallonga tempo karieris je monda nivelo, almenaŭ en Ciferecujo. Apenaŭ ekzistas iu, kiu ne uzas kaj ne aprezas ĝiajn produktaĵojn.

Ofte oni demandas pri la loĝloko de nia jubileanto, kaj la respondo malfacilas: estas surprize, ke malgraŭ siaj modestaj financoj nia jubileanto ŝajnas havi loĝejojn en pluraj dudekoj da landoj, kaj ŝlia amikaro simile vastas. Des pli ĝojigas, ke malgraŭ tiu evidente streĉa vivo nia jubileanto apenaŭ maljuniĝas, ofte eĉ male, plijuniĝas!

Mi ĝojas, ke ŝli estas hodiaŭ inter ni, kaj mi invitas vin ĉiujn: brakumu la festiton, ĝoju kun ŝli!

Gratulon al ĉiuj, kiuj iam anis kaj estis la hodiaŭa jubileanto!

Gratulon al ni ĉiuj, kiuj hodiaŭ ĝian nomon plenigas per vivo kaj spirito!

Gratulon al TEJO pro ĝia 70-a naskiĝdatreveno!


30-a IJK, 1974, Münster, Germanio – Japano, hispano kaj burundiano


16-a IJK, 1960, Rotterdam, Nederlando


19-a IJK, 1963, Vraca, Bulgario – La 19-a kongreso de TEJO


16-a IJK, 1960, Rotterdam, Nederlando



19-a IJK, 1963, Vraca, Bulgario – La kongresa prezidantaro de la tiama IJK

# Ĉio estis pli bona en miaj tempoj, aŭ eble ne: TEJO aktuale kaj malaktuale

*TEJO, vi estis bela en la 1960-aj kaj 1970-aj jaroj, ĉar juneco estas bela, kaj vi restas bela, ĉar ankoraŭ nun juneco estas bela. Tamen okazis multaj ŝanĝiĝoj en TEJO dum la lastaj 30-40 jaroj. Tion mi rimarkis, ĉeestante kelkajn TEJO-aranĝojn en la lastaj jaroj. Ni vidu kelkajn facetojn de ili.*

*Renato Corsetti, Italio*

---

**Aĝo de la partoprenantoj de la IJK kaj aliaj aranĝoj**
En miaj tempoj la kongresanoj emis esti inter 20 kaj 30 jaroj. Ili aspektis multe pli seriozaj en siaj kompletoj kaj ofte ili surhavis kravatojn (rigardu la tiamajn fotojn). Nuntempe aperas amaso da veraj junaj junuloj sub 20 jaroj. Oni devas kompreni, ke en la 1960-70-aj jaroj vojaĝi sole eksterlanden en Eŭropo ankoraŭ ne estis kutima afero, permesata de la gepatroj, malmultekoste farebla. Ĝuste pli aĝaj universitataj studentoj aŭ gejunuloj jam laborantaj estis pli liberaj kaj kapablaj vojaĝi al internaciaj aranĝoj. Nun ĉiu 16-jarulo kapablas trovi malmultekostan flugon al ĉiu granda urbo de Eŭropo, kaj tio klarigas, kial la TEJO-publiko estas iom alia nuntempe.

**Temoj de la diskutoj**
La tiamaj partoprenantoj estis ne nur pli aĝaj, sed ankaŭ interesiĝis pri pli "seriozaj" temoj. Ne forgesu, ke temis pri la jaroj de la socia envolviĝo de la junularo (la ribeloj kontraŭ la milito en Vjetnamio, la studentaj ribeloj kontraŭ la socio en Eŭropo). Pri tio debatis la ĉirkaŭa neesperantista junularo kaj pri tio debatis la esperantista junularo. La pinto de la politikaj temoj eble estis la IJK-temo en Graz: "Lernejo: ĉu ejo de la revolucio?" Evidente la fakto, ke oni devas fari la revolucion, estis tute memkompreneble akceptata. Temis pri tre intelektaj debatoj ("tre tedaj" dirus la nuntempaj vere junaj geknaboj en TEJO). En tiu tempo TEJO eldonis tre dikajn libroformajn artikolarojn pri ĉi tiuj sociaj temoj, pri



25-a IJK, 1969, Tyresö, Svedio – La partoprenantoj atente aŭskultas la vortojn de Humphrey Tonkin, kiu festparolis dum la inauguro.

lingvo kaj politiko, lingvo kaj evoluo, ktp. Kompreneble, ne ĉiuj samopiniis, kaj kelkaj eĉ tre klare malsamopiniis, sed tia estis la ĝenerala etoso. Ankaŭ la malsamopiniantoj reagis per simile longaj kaj simile tedaj tekstoj.

Se la tiamaj debatintoj estus antaŭvidintaj, ke nun dum IJK-oj oni instruos dancadon aŭ paper-faldadon, ili forŝirus de sur sia brusto la verdan stelon.

**UEA**

Granda malsameco ekzistas inter la tiamo kaj la nuno rilate al la ideoj pri la ĝenerala movado, alivorte pri la maljunuloj, pri UEA.

La tiamaj junuloj akre kritikis la maljunulojn. Aliflanke ili, la junularo, volis transpreni la postenojn de la maljunularo, ĉar ili vere kredis, ke ĉiuj malbonoj de la movado dependas de la malkapablo de la tiamaj gvidantoj de UEA adaptiĝi al la tiama mondo. La tiama TEJO iusence sieĝis UEA-n (kiu fakte kapitulacis en Hamburgo en 1974).

La nuna TEJO ne sieĝas la nunan UEA-n. Male, mi ĉiam klopodis altiri TEJO-homojn al la estraro aŭ komitato de UEA, kaj oftege mi malsukcesis pro neinteresiĝo flanke de la junularo. Mi havas la impreson, ke tiu ĉi rilato baziĝas ne sur natura provo de la junularo kapti la regadon de la movado kaj stiri ĝin laŭ siaj konceptoj, sed sur indiferento rilate al tio, kion faras la ĝenerala movado. Samtempe ankaŭ en la neesperantista mondo (almenaŭ en la okcidenta socio), la junularo ne estas gvida forto en la sociaj kaj politikaj debatoj. Ĉion gvidas la merkato, sed la junularo ne demandosignas la merkaton. Ĝi eventuale rifuzas esti konsumanto aŭ estas elektema kaj teĥnike lerta konsumanto. Sed neniu studenta grupo ekstaras kaj kritikas, kiel oni faris siatempe.

**Kontakto**

Ankaŭ Kontakto evidente ŝanĝiĝis por adaptiĝi al la ŝanĝiĝanta TEJO. La tiama Kontakto, kiu por tiama mi estis la plej bona gazeto en la Esperanto-mondo, redaktata tiam de homoj kiel Simo Milojeviĉ aŭ Ulrich Lins, daŭre prezentis seriozajn artikolojn pri problemoj en la unua aŭ en la tria mondo kaŭzitaj de la malbonaj maljunaj


28-a IJK, 1972, Toruń, Pollando – 2-a komitatkunsido de la tiama IJK

politikistoj. La ĉefa ideo estis ne “klerigi kaj amuzi”, sed “konsciigi kaj agad-instigi”. Tre mankas al mi tiu Kontakto, sed certe ne al la nuntempaj TEJO-anoj.

**Resume**
Unuvorte mi ne volas diri, ke ĉio estis pli bona en miaj tempoj, nek ke ĉio estas pli bona nun. Certe ĉio tiam estis alia, ĉar la ĉirkaŭa socio estis alia. La tiamaj TEJO-anoj, tamen, povas fieri pri la fakto, ke TEJO kapablis en la lastaj jardekoj adaptiĝi al la ŝanĝiĝanta mondo, verŝajne eĉ pli ol UEA. Alia demando estas, ĉu la ŝanĝiĝo de la mondo iris en la bonan aŭ en la malbonan direkton – sed pri tio TEJO ja certe ne respondecas merite aŭ malmerite. Tamen la historio ne finiĝis, kaj la mondo denove ŝanĝiĝos kaj TEJO estos preta por ree ŝanĝiĝi.

Saluton, TEJO, vi estas same bela nun!

# Ĉu TEJO ribelis en 1968?

*La jubileon de TEJO mi prenu kiel okazon por rememori ne pri ĝia fondiĝo (mi naskiĝis nur poste), sed pri la vivo de TEJO antaŭ kvardek jaroj. Temas pri 1968, pri la jaro, en kiu tutmonde ekribelis la studentoj.*

*Ulrich Lins, Germanio*

**TEJO kritikata**
Kion faris TEJO en tiu fama jaro 1968? Por mi la jaro komenciĝis per serioza admono (tiam mi estis reprezentanto de TEJO ĉe la Estraro de UEA). La 16-an de januaro la vicdirektoro de la Centra Oficejo (CO) de UEA, Victor Sadler, sekve de estrara decido riproĉis min, ke en 1967 el kvar numeroj de Kontakto ĝis nun aperis nur unu. Krome li plendis, ke la pasintaj du numeroj “estas plenŝtopitaj per preseraroj”. Li konkludis, ke “la malreguliĝo de Kontakto ege subfosis la prestiĝon de TEJO”.

Ni, la estraro de TEJO, bone konsciis la problemon. Pliboniĝon anoncis nia decido transdoni la redaktoradon al Roman Dobrzyński. Inter liaj unuaj kontribuaĵoj estis (en 2/68) la artikolo “Junularo en la mondo: ĉu bruegantaj hordoj?”. Pri la ligo inter la monda junulara batalo kaj la disvastigo de Esperanto inter gejunuloj Ivo Osibov, la prezidanto de TEJO, en sia novjara mesaĝo ne parolis. Li tuŝis la temon de intergeneracia konflikto, konkretigante ĝin per la kritiko, ke iuj Landaj Asocioj ankoraŭ ne helpas la junularon organiziĝi en propra sekcio. Samspire li laŭdis UEA-n pro tio, ke ĝi de 1963 “ebligis al TEJO gajni per sia laboro pli da monrimedoj”. Sed ni ne estis kontentaj. Unu estrara kolego skribis al mi en aprilo: “De UEA ni ricevis nenion krom insultojn dum kelkaj jaroj.” Tiel radikale ni esprimis nin tamen nur interne. Ni ne volis fiaskigi la realiĝon de nia granda espero, ke la plenkreskula asocio decidu dungi por la roterdama CO oficiston pri junularaj aferoj.

Ankaŭ en aprilo la estraro de UEA decidis, ke la 1-an de aŭgusto la direktorino de la CO, Marianne Vermaas, transdonu sian oficon al Victor Sadler. Ankoraŭ agante, Vermaas en julio kolere plendis pro la granda deficito en la konto de TEJO. Anstataŭ limigi sin al tio, ŝi donis al ni veran frapon, asertante, ke kelkaj elementoj en TEJO volas imiti la tutmondan modon de protestoj. Reage, Humphrey Tonkin, la ĝenerala sekretario, kun frida ironio demandis la direktorinon, kiuj estas tiuj “kelkaj elementoj”: “Mi ŝajne estas iom ekster la fluo ĉar mi nenion scias pri tio ĉi, kaj vere devus informiĝi pro mia iom influa situacio en TEJO.”

**Kongresaj zorgoj**
Alproksimiĝis la kongresoj. La Universala Kongreso tiujare okazis en Madrido. Ĝia Honora Protektanto estis la ŝtatestro Franco, certe ne amiko de junulaj ribelantoj. La Estraro de UEA devis lin toleri. Mi provis diskutigi la demandon, sed mutiĝis, konstatante ke eĉ la maldekstruloj inter la estraranoj ne vidis la eblon rifuzi tiun protektanton. Dum la UK preskaŭ ĉies energion postulis la klopodo malhelpi, ke Ivo Lapenna efektivigu sian minacon forlasi la prezidantecon en UEA. TEJO estis en la tendaro de tiuj, kiuj persvadis lin resti prezidanto (kaj submetiĝis al liaj kondiĉoj).


26-a IJK, 1970, Graz, Aŭstrio

Antaŭ la UK ni, TEJO-anoj, kongresis en Tarragona. Estis nur 130 partoprenantoj el 19 landoj. Tion parte kaŭzis la hezito de Hispanio doni vizojn al orienteŭropanoj; ankaŭ prezidanto Osibov pro tio ne povis alveni ĝustatempe. La fina rezolucio tial havis protestan nuancon: ĝi pledis por la rajtoj de gejunuloj vojaĝi sen vizaj obstakloj. La kongresa programo ne multe proksimis al la mondaj eventoj (la IJK okazis tri monatojn post la majaj demonstracioj en Parizo kaj tri semajnojn antaŭ la invado de "fratlandaj" trupoj en Ĉeĥoslovakion). La komitaton de TEJO ŝajne pli multe maltrankviligis la interna forto: ĝi esprimis la timon, ke al TEJO minacas malkresko pro la "organiza amatorismo" de ĝiaj okcidentaj landaj sekcioj.

**Postkongresaj rezultoj**

Pasis la jaro 1968. La apero-ritmo de Kontakto normaliĝis. Sed ankaŭ la nova jaro komenciĝis per admono. Ĉi-foje Lapenna mem, dum la Internacia Seminario en Köln, aŭdigis sin pri TEJO, kaj aŭdigis plende. Laŭ li al TEJO mankis dinamismo; li kritikis kaj rimarkigis, ke en la ribelemaj junularaj gazetoj nenio aperas pri Esperanto. Ĉar la ribelo estas direktita kontraŭ tradiciaj institucioj, TEJO partoprenu ĝin, luktante kontraŭ la institucioj de lingva imperiismo. Lapenna konsilis imiti la agadon de Akademia Esperantista Klubo de Zagreb, kiun li kunfondis preskaŭ kvardek jarojn antaŭe (unu triono de ĝiaj membroj pereis en la batalo kontraŭ faŝismo).

Jen do la defio por TEJO en 1969. Mi devis tiujare iom flankeniri, interalie pro la edziĝo. La 25-an IJK-on en Tyresö mi ne partoprenis. Ĝi akceptis (kun unujara malfruo) deklaracion, kiu montris akordiĝon kun la studenta revolucio. "La mobilizo de la junularo estas subtenenda kaj partoprenenda batalo por la digno de la homo", estas unu el la kernaj frazoj de la Deklaracio de Tyresö. Estis esprimita "malaprobo de ĉiu tiel nomata solvo de la lingva problemo, kiu baziĝas sur diskriminacio". Tamen iun rektan pledon por Esperanto oni vane serĉus en la deklaracio.



TEJO-aktivuloj de la 70-aj jaroj (de dekstre maldekstren: Claude Nourmont, Tomas Jansson, Hans Eichhorn, Renato Corsetti, Flora Szabó-Felsö, Mičjo Maitzen)

# Kiel aperis la Raŭma fenomeno

*Giorgio Silfer, Italio*

Ĉirkaŭ la 32-a Internacia Junulara Kongreso en Raŭmo (Finnlando) estis pli da atendo ol antaŭe. Oni sciis, ke ĝi estas la unua TEJO-kongreso en Finnlando, periferia lando iom populara en la junulara medio pro la migro de la redaktejo de Kontakto al Kuopio (1975-77) kaj la samloka (eĉ samkesta) poŝtadreso de la ĵus fondita FEJO. Kontakto estis plu redaktata en Finnlando ankoraŭ en 1978. Finnoj kaj Finnlando do estis relativa novaĵo en TEJO. Aldone kaj pli grave, oni sentis ke io evoluas en Esperantujo.

Fakte la 1970-aj alportis ŝanĝojn. La generacio de Tyresö transprenis la stirilon en Universala Esperanto-Asocio, sub la gvido de Humphrey Tonkin. Komenciĝis la lapennismo sen Lapenna. Diversaj nukleoj, ekster la tradicia movadaro, komencis formi opinimovadon: jen la kulturpolitike influa revuo “Literatura Foiro”, jen la impulso de Kultura Centro Esperantista en Svislando, jen la aktiveco de Pola Studenta Esperanto-Komitato, jen la akademia referenco en universitato ELTE (Hungario), por mencii nur kelkajn.

Ofte tiuj novaj nukleoj konfliktis kun la tradiciaj movadoj: la KCE de Claude Gacond estis en malbonaj rilatoj kun la svisa landa asocio; PSEK same kun la pola; Szerdahelyi same kun la hungara; kaj tiel plu. La debato pri la strategia evoluo de Esperantujo estis aparte aktuala en TEJO, kiu ĵus eliris el akra konflikta situacio kun UEA, kaj fakte estus enironta similan konflikton, se ĝiaj tiamaj aktivuloj aspirus al kariero en UEA, same kiel aspiris la tiresanoj.

Paralele en la 1970-aj nia kulturo evoluis. Forpasis

la grandaj korifeoj de la intermilita periodo (Schwartz, 1973; Szathmári, 1974; Kalocsay, 1976; rezistos pli longe nur Waringhien, 1991). Ĉesis "Norda Prismo" kaj restis nur "Literatura Foiro", kiu interalie malkovris kaj lanĉis Claude-n Piron-on. Ekis la granda epoko de la esperanto-kanzono, precize en 1977 dum TEJO-kongreso en Francio, per la premiero de "La vojo" (Gianfranco Molle) kaj "Tra l' mondo" (Olivier Tzaut). Manifestiĝis novaj teatro-ensembloj, precipe TESPA, kies ĉefa aŭtoro (Georges Lagrange) ankaŭ estos valorigita de "Literatura Foiro" en la 1980-aj. Ĉio ĉi disvolviĝis precipe ekster la tradiciaj movadoj, almenaŭ marĝene al ili.

Kvazaŭ responde al ĉi tiu unika konjunkturo, la programo de la 32-a IJK antaŭvidis specifan laborgrupon pri la temo "Esperanto en la 80-aj jaroj: problemoj kaj metodoj". La laborgrupo havis tri ĉefkontribuontojn: Jouko Lindstedt, Giorgio Silfer kaj Amri Wandel; sed la gravan enkondukan dokumenton verkis Lindstedt, kaj la konkludan Manifeston kunverkis Lindstedt kaj Silfer, surbaze de ĉies intervenoj. Iom anekdote sonas la utiligo de finna proverbo, komence de la referaĵo de Lindstedt: "Piso de kulo en la Balta maro...".

Esence, la laborgrupo (kaj la Manifesto) reagis kontraŭ la tiama strategio de la tradiciaj movadoj (UEA, SAT kaj paralelaj branĉoj), kiuj enfokusiĝis al lukto kontraŭ la angla lingvo. Tiu ŝveligita rivaleco, subtenata ankaŭ per blufaj sloganoj kaj mitaj mensogoj, ne plaĉis al la raŭma generacio. Ĝuste la unuaj du paragrafoj en la Manifesto kontestis tiun strategion: ilin inspiris Jouko Lindstedt, kiu hodiaŭ tamen ne plu rekonas sin ilia aŭtoro.

La dua parto de la Manifesto proponas la alternativan strategion: konsciinte, ke Esperanto restos minoritata lingvo, kaj probable neniam iĝos "ĉies dua lingvo" (la fina venko), la raŭmistoj emfazis la neceson propagandi Esperanton pro ĝiaj efektivaj valoroj. Tial fariĝis grava ne nur la komunika, sed ankaŭ la identiga funkcio de nia lingvo. Pli malfrue, la Konkludoj de Segedo (1988) precizigis, ke la propagando ligiĝas ne al la koncepto "ju pli multaj ni estas, des pli forte ni povas premi la instituciojn", sed al la koncepto "ju pli multaj ni estas, des pli bone ni povas vivi nian vivostilon".

La Manifesto de Raŭmo ne estas oficiala dokumento de TEJO: la aŭtoroj prezentis ĝin al la kongreso (kiu reagis per longa aplaŭdo) kiam la Komitato jam finis siajn sesiojn, aprobinte propran kongresan rezolucion. Do la Manifesto (male al la Deklaracio de Tyresö, kaj, fakte, male al ĉiuj gravaj antaŭaj internaciaj deklaracioj en nia historio) restis ne anonima dokumento, sed teksto pri kiu respondecas la subskribintoj: okdeko da individuoj kaj kvar kolektivoj (nomoj kaj aŭtenta teksto konsulteblas ĉe *www.esperantio.net).*

La Manifesto signis la alvenon de prepara procezo kaj la starton de nova, kiu tra la simpozio apud Varsovio (1984), la Konkludoj de la konferenco en Segedo (1988) kaj la forumo en Ĉaŭdefono (1998), precizigis la raŭmismon. Tiu procezo fine venigis al la Pakto por la Esperanta Civito (1998).

* * *

*La aŭtoro de tiu ĉi artikolo siatempe estis elstara aktivulo de TEJO (i.a., ĉefredaktoro de Kontakto en 1975-1977, TEJO-komitatano en 1970-1972 kaj 1976-1980). Ni petis li respondi kelkajn demandojn pri TEJO.*

**Kontakto.** Kio estas aŭ estis TEJO por vi?
**Giorgio Silfer.** Siatempe TEJO estis la plej interesa parto de Esperantujo. Ĝia revuo "Kontakto" estis unu el la plej legindaj, ĝia ĉiujara kongreso estis la plej bona laŭ la rilato inter kosto kaj kvalito. Alivorte, ekde la fino de la 1960-aj ĝis la 1980-aj TEJO ludis avangardan rolon en Esperantujo. Ne hazarde el la TEJO-medio originis la Deklaracio de Tyresö (1969) kaj la Manifesto de Raŭmo (1980). Poste TEJO perdis tiun avanecon en la formiĝo kaj evoluo de la Esperanta popolo.

**K.** Kion donis al vi la aktivado en TEJO?
**G.S.** Taŭgan medion (sed ne la solan) por maturiĝi kiel esperantisto.

**K.** Kio, laŭ vi, estas la ĉefaj problemoj aŭ, male, atingoj kaj atutoj de tiu ĉi organizo?
**G.S.** Ĝi estas generacia organizo, kun ĉiuj atutoj kaj handikapoj de tia situacio: ĝi restas freŝa kaj juna, sed samtempe malstabila kaj fragila en sia kontinueco. La manko de jura personeco certe bremsis ĝin. La rolo de junulara sekcio de UEA iĝis pli kaj pli reduktiva. Ĉiam ĝi estis tia: Humphrey Tonkin kiel la unua plendis kontrau "UEA en mallonga pantalono". Fakte la generacio de Tonkin (Nourmont, Corsetti, Luin kaj aliaj) estis la lasta TEJO-gvidantaro kiu transprenis la gvidan rolon en UEA: poste la TEJO-gvidantaro evoluis alimaniere. Kio en tio estas atingo, kio ne – tion respondos la historio.

# Pace kaj kace – pri la varbado de TEJO

*Felix Zesch (Germanio) kaj Ksenia "Libera" Prilepskaya (Rusio)*

La Tutmonda Esperantista Junulara Organizo havas la frapfrazon "June kaj kune", per kiu ĝi celas varbi gejunulojn kaj allogigi la asocion. Analizu ni ride kaj fide laŭ strukturo kaj futuro tiun ĉi frazon.

"June kaj kune" evidente klopodas respeguli la sopirojn kaj dezirojn de junuloj en la hodiaŭa mondo. Ili volas esti kune kun junaj homoj. Kial inter junuloj kaj ne kune kun maljunuloj? Nu, eble ĉar junuloj estas ankoraŭ pli amoremaj kaj fekundaj, kaj ĉar tiuj ĉi ecoj kun kreskanta aĝo malpliiĝas. Samtempe ili trovas en aliaj junuloj homojn, kiuj strebas al similaj idealoj: paco, riĉeco, amo por kaj inter ĉiuj homoj de la mondo. Frapfraze oni devus do kunigi tiujn du idealojn, la idealecajn kaj la korpecajn, ekzemple per vortoduopoj kiel: "pace kaj kace", "riĉe kaj piĉe", "ame kaj mame".

Gejunuloj volas ne nur komunikiĝi rete kaj krete, sed kuni pike kaj fike, gajiĝi buŝe kaj tuŝe, seninhibiciiĝi nude kaj lude (kaj krude) por adiaŭe emocii sente kaj pente. Por pli bone transdoni ĉi tiun senton, oni tion eble devas ankaŭ vortumi en loke konata lingvo aŭ mikse kun Esperanto, ekzemple "tuje kaj ĥuj-e", "vire kaj beer-e", "fike kaj geek-e", "dance kaj schwanz-e". Tiam ni vere instigos homojn interkompreniĝi klare kaj flare, amuziĝi palpe kaj talpe kaj ekstazi pulve kaj vulve. Laŭ la observoj en multaj renkontiĝoj, nemalhavebla akcelilo por tia sukcesego de popola interkompreniĝo estas alkoholo. Se junaj homoj drinkas biere kaj fiere, glase kaj tase, ili renkontiĝas neste kaj feste. Kaj kaze de malsukceso, tiuj, kiuj restas molaj kaj solaj, povas ankoraŭ kontentigi sin mane kaj sane.

Sed ĉu per tia varbstrategio, kiun ni nun derivis de la frapfrazo "June kaj kune", ni povas ankoraŭ atendi sukcesan varbadon de la esperantistoj? Ĉu ankaŭ la celo de TEJO ne estas disvastigi Esperanton lerte kaj sperte, kie varbantoj mense kaj pense argumentas pafe kaj trafe? Tamen, se la varbantoj pensadas tro kaj ne sekvas siajn emociojn rilatajn al Esperanto, observeblas ofte, ke ili informas veke kaj feke, vorte kaj morte, dube kaj rube. Ili propagandas flame kaj fame, male kaj pale, rekte kaj sekte, dum UEA strebas daŭre informi Zamen kaj hofe, netu kaj ŝeble, funda kaj mente.

Per tia informado solveblas nek la nigraj kaj migraj nek la verdaj kaj merdaj problemoj de nia mondo. Ĝi estas politiko ruĝa kaj fuĝa anstataŭ blua kaj ĝua. Ne ĉio povas disvolviĝi ŝate kaj glate, flue kaj glue, pece kaj dece. Foje oni devas true kaj brue rompi hereditajn informstrategiojn por ne resti randa kaj vanda. Por esti pli proksimaj al la varbataj nacianoj, indas varbi france kaj dance, brite kaj sprite, pole kaj vole, ruse kaj buse. Tio, memkompreneble, inkluzivas plurlingvigon de renkontiĝaj retejoj. Kaj nia varbado devas esti konstanta kaj ne nur laŭ okazo runde kaj lunde, arde kaj marde, laŭde kaj ĵaude aŭ nur merkrede kaj vendrede. Tiam ni fervoras kore kaj plore, sukcesas glore kaj flore aŭ pereas ore kaj fore. Sed eble ĉio ĉi estis iom multa kaj stulta.

Ni dankas al Petro, kiu dibele kaj debile kreis la ideon "pace kaj kace", al Russ, kiu kontrollegis atente-kompetente, kaj al Tanja Belizna pro in-spiro.

# 30 jaroj da Kontaktoj!

*La komenco kun Tonkin, la socia tertremo de la 1968-a, la ribelo de Tireso. La tutpaĝaj fotoj de Dobrzyński, la pra-Monataj aspiroj de Maul kaj la nigra ŝafo de la Triopo (Milojeviĉ, Lins kaj Zeilinger). La movadozo kun Silfer, la artifikoj kaj grafiko kun MacGill, kiu bele pakis la italan venton de Cappa kaj Besseghini, kaj Brennan, kiu estas britino, sed tamen el Italio blovis "facilan venton". La rekordo de Nordenstorm kaj la engaĝo de Ertl... Kaj la ĝojo povi festi sian 30-jariĝon post longa vojo de malfruoj, sed ankaŭ de venkoj. Jen la fascina historio de... Kontakto!*

*Francisco L. Veuthey, Argentino/Nederlando*
*Aperis en Kontakto 137-138 (1993:5-6)*

---

Post sia alarmo pro financaj malfacilaĵoj kaj internaj malakordoj, en 1956 TEJO iĝis la Junulara Sekcio de UEA. Tio certigis sanan evoluon kaj la finon de preskaŭ 20-jara drivado de la junulara movado, ignorata de la ĝenerala Movado. Dekon da jaroj poste TEJO jam tre bone fartis kaj multe progresis, kio speguliĝis en la reputacio, legantaro kaj reguleco, kiujn kelkaj naciaj junularaj bultenoj atingis. Sed de post la kolapso de la sendependa "La Juna Vivo" en 1956, kiam tiu revuo iĝis nura rubriko en "Esperanto", TEJO estis senigita de ia aparta karaktero; ĝi restis kvazaŭ senvoĉa.

De jaroj unu ideo trafulmadis la mensojn de la tiamaj gejunuloj: havi propran belan internacian junularan gazeton, kiu ne pritemas Esperanton, sed uzas ĝin por atingi vere internacian publikon; gazeton indan je montro al la ekstera mondo. Sed, diference de "La Juna Vivo", kiu precipe havis didaktikan celon por adoleska publiko, ĉi-foje ili celis pritrakti ĉiajn temojn, diskuti pri sociaj kaj kulturaj problemoj, kiuj plej interesas la junularon. Ĝi ankaŭ celis pli maturajn gejunulojn, konsciajn pri siaj problemoj. Kontakto, laŭ ies diro, enkorpigis ia neceson doni al TEJO pli maturan kaj riĉan identecon. Dum la 18-a Internacia Junulara Kongreso okazinta en Vstad, Svedio, en 1962, oni decidis fondi ĝin kaj kreis, kun la aprobo de panjo UEA, apartan fonduson por ĝi.

La komenco de la sesdekaj estis plej fruktodonaj jaroj por TEJO. Kontakto trafe aperis en 1963, la Jaro de la Junularo en la Esperanto-Movado, tuj antaŭ la 19-a IJK en Vraca kaj la 48-a Universala Kongreso en Sofio. Kaj ĝi estis tre bonŝanca: la Komitato de UEA en Sofio aprobis novan financan aranĝon inter UEA kaj TEJO, laŭ kiu Kontakto estis senpage liverota al la individuaj junaj membroj de UEA, dum TEJO ricevos duonon de iliaj kotizoj.

**Redaktoro serĉata!**

En la komenco neniu volis preni la redaktorecon, sed finfine oni persvadis la kasiston de TEJO, Humphrey Tonkin, briton loĝantan en Usono.

Kun abono de 32 steloj (= 8 gld.), 4 numeroj jare kaj la forta pledo, ke Kontakto bezonas nur 1000 abonantojn ĉiujare por finance subteni sin, startis la unua, prova numero. La tempo montris, ke sociologio kaj humuro estas la preferataj kampoj de Tonkin. Tre sukcesis ŝerc-rakonta rubriko "Niaj Humuristoj".

Jam en tiuj tempoj la redaktoro plendis pri foresto de ekstereŭropaj artikoloj. Siaflanke, la legantaro pledis por variigo de la enhavo kaj forigo de "esperantismo". Envie mi rigardas tiamajn tutpaĝajn reklamojn de la famaj Philips kaj Volkswagen! En 1966, post tri-jara redaktado, Humphrey adiaŭis fierante pri la akurateco de Kontakto... Kiaj tempoj!

**Sekso, fotoj kaj ofseto**

Stefan Maul el Germanio, kiu 14 jarojn poste fondis Monato-n, transprenis Kontakto-n en 1966. Li entreprenis la unuan enketon, kiu montris i.a., ke la prezo de la revuo konsiderinde superas la prezojn de la samspecaj nacilingvaj revuoj, kaj ke plej popularas seriozaj artikoloj pri amo kaj gravaj mondaj problemoj kaj la serio "Niaj humuristoj". La redaktoro enkondukis tutpaĝajn bildojn kaj aldonis sufiĉe da karikaturoj. La papero iĝis pli bonkvalita kaj Kontakto eniris la ofsetan eraon… sed komencis eliri el

Parto de la originala artikolo sur la paĝoj de Kontakto numero 137-138 (1993:5-6)

la "ofteca" erao. La unua numero de 1967 aperis nur en oktobro de tiu jaro!

Pro la troa okupiteco de Maul, en 1968 la redaktorecon transprenis Roman Dobrzyński el Pollando. En epoko de vigla varbado, sukcesaj seminarioj por eduko de gvidantoj kaj kursoj en internaciaj labortendaroj, Roman pretigis specialan numeron trilingvan (Esperanta-angla-franca) pri labor-tendaroj kun la celo atingi ne-esperantistojn. Dum tiu ĉi periodo aperadis "La intima vivo", bonega rubriko pri seksumado. Roman preferis kulturajn temojn (literaturo, fotografado, historio, arto) kaj pluevoluigis la tradicion de tutpaĝaj, grandiozaj fotoj – kiuj hodiaŭ agacus la plej mallegeman leganton. Li preferis knabinojn sur siaj kovrilpaĝoj kaj aparte ĝojis ĉirkaŭigi sin per aro da konstantaj kunlaborantoj, ĉar foje tutan numeron de la unua ĝis la lasta paĝo li devis verki mem!

La 24-a IJK en Tireso starigis, ke Kontakto ne ignoru entute la agadon de TEJO. Sekve junularaj eventoj komencis aperi en nia gazeto. Sed la spirito de Tireso, kies mejloŝtona deklaro implicis "mobilizon kontraŭ la establitaj ordo-sistemoj endanĝerigantaj la liberan evoluon de la individuo", furioze elmerĝis nur sub la sekva redaktorado, tiu de la Triopo.

En 1970 Kontakto aperadis en 1600 ekzempleroj, el kiuj 145 iris al junaj membro-abonantoj de UEA, 143 – al membroj-abonantoj kun Kontakto, 244 – al simplaj abonantoj. En tiu jaro Roman adiaŭis sopirante, ke 100 novaj abonoj ebligus al Kontakto "forte ekstari sur la tero".

**Renaskiĝo en karnavalo**

Dum la karnavalo de februaro 1970 germano Ulrich Lins, jugoslavo Simo Milojeviĉ kaj germano Hans Zeilinger kunsidis kun unu celo: fondi novan revuon, kiu en la Internacia Lingvo okupiĝu pri aktualaj demandoj de la hodiaŭa mondo, inkluzive de la tabuo en la tiama Esperantujo nomata "politiko". Manke de eldonisto, la Triopo rememoris tion, kion en la Movado oni malofte atentas: "Ne necesas ĉiam komenci de la komenco." Kaj, ĉar Kontakto tiutempe serĉis redaktorojn, ne estis malfacile adopti kaj doni al ĝi la fizionomion de "Horizonto", la abortinta projekto.

La Triopo, kiu redaktis Kontakto-n de 1970 ĝis 1974, celis, ke la Esperanto-komunumo estu en kontakto kun la realo, inkluzive la lingvan problemaron, al kiu ili dum sia kvinjara redaktado dediĉis pli da spaco, ol iu ajn alia esperantlingva periodaĵo. Politiko, kiu sub la redaktoreco de Roman Dobrzyński tute ne estis tuŝata, nun ricevis la duan plej grandan aron da kontribuoj.

Baldaŭ la gazeto iĝis "nigra ŝafo" en Esperantujo. Sub plena protekto de Sankta Deklaracio de Tireso, Kontakto

estis la sola periodaĵo, kiu ne nur kuraĝe informis, sed ofte inter la linioj akuzis. Ĝi alprenis starpunkton – same kiel TEJO – kontraŭ ĉiaj formoj de diskriminacio, inkluzive la lingvan: transliterumo de nomoj en Esperanton iĝis kutima. Zeilinger, kiu tial iĝis Cajlinger, dum du lastaj Triopaj jaroj estis anstataŭigita de nederlandano Wim Jansen.

Tiu ĉi tro serioza "Kontakto", kiu ne havis lokon por ŝercoj aŭ tempopasigiloj, pioniris en iasenca reeduko de la movada legantaro, en sentabuigo de "malpermesitaj" temoj. Komence de 1972 ĝi prognozis tion, kio en Mozambiko okazis en 1974. Teruritaj, esperantistaj oficialuloj volis malebligi la aperon de tiu numero!

La Triopo, kiu foje konsterniĝis pro la malalta nombro da abonantoj, adiaŭis en la lasta numero de 1974, kiu aperis en januaro 1976. Tiam ili instigis fari abonon por... la pasinta jaro!

*Fine de la 1970-aj Anna Brennan (maldekstre) havis rubrikon pri seksa diskriminacio. Tio poste evoluis al nova gazeto,* SEKSO KAJ EGALECO, *kiu aperis inter 1979 kaj 1987.* KONTAKTO*-n ŝi redaktis de 1982 ĝis 1986.*
*Leif Nordenstorm (dekstre) plej longe redaktis la gazeton: de 1983 ĝis 1990.*

*István Ertl (supre), redaktis* KONTAKTO*-n de 1990 ĝis 1992. Li estis redaktinta ankaŭ la revuojn* INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO *kaj* OPUS NIGRUM. *En 1992 li iĝis redaktoro de* ESPERANTO. *Tiam* KONTAKTO*-n transprenis la nuna redaktoro, Frančjo Veuthey (sube).*

En 1988 la estrar-raporto de UEA minacis, ke " . . . ekde 1989 aperos denove nur 4 numeroj de *KONTAKTO* (anstataŭ 6 kiel ĝin nun) . . . ", ĉar kvankam la eldonkvanto vagadis ĉirkaŭ 2000, estis multe malpli da pagantaj abonantoj. La granda plimulto de la ricevantoj estis aŭ membroj de TEJO kaj sekve ricevis ĝin senpage (t.e. je la kostoj de UEA), aŭ estis legantoj en netranspagipovaj landoj, kaj ankaŭ ricevis ĝin senpage. "Kaze de deziro de pli ofta aperigo, TEJO liveru realan pravigon", la raporto agacis. Sekvis pensiga reago de leganto: "Oni diras, ke *KONTAKTO* estas deficita revuo, sed interesan perspektivon oni ricevas, komparante ĝin kun *ESPERANTO*. Abonoj en 1987 al *KONTAKTO* sumis je 11 584 guldenoj, preskaŭ 41% de la kostoj (28 356 guldenoj). Abonoj al *ESPERANTO* sumis je 19 321 guldenoj, iomete pli ol 17% de la kostoj (111 852 guldenoj), kvankam tiuj nombroj ne estas kompletaj. Kial oni kulpigas aparte *KONTAKTO* pri troa kosto? Ĝi ne nur estas pli memstara finance ol *ESPERANTO* (ekster la membraro), sed entute ĝia kosto estas preskaŭ bagatela en komparo . . ." (n-ro 111, 1988:5).

Efektive, *KONTAKTO* aperis nur 4-foje en 1989, fine de kiu Leif reiris al la nordo de Svedio por prizorgi sian ĵusnaskitan bebon kaj reeklabori kiel pastro. Li tenas la redaktoran rekordon: 37 numeroj tra ses jaroj.

**Reengaĝiĝo**

La jaron 1990 inaŭguris numero redaktita en CO de Javier Moleón. La torĉon tamen transprenis István Ertl el Hungario, kiu revenis al temaj numeroj: Orienteŭropa politiko, marĝenuloj, la paro, literaturo . . . *KONTAKTO* ree engaĝiĝis. Agacis pripalestina artikolo. Epoko de densegaj tekstoj. Mi memoras 4 paĝan literoplenan tradukon sub la halucina titolo *La svisoj estas samtempe liberaj, malliberuloj kaj gardistoj de si mem* kun subtitolo *Parolado de Friedrich Dürrenmatt okaze de la transdono de la premio "Gottlieb Duttweiler" al Václac Havel, la 22-an de novembro 1990 apud Zürich (Svislando).*

Pro la nesufiĉa abonantaro la nigra korvo de malfondo plu ĉirkaŭŝvebis. Malkvietiĝantaj TEJO-rondoj komencis paroli pri novspeca *KONTAKTO*. En 1992 István estis elektita redaktoro de *ESPERANTO* kaj devis forlasi *KONTAKTO*-n.

**Kaj poste . . . ?**

En 1992 mi iĝis oficisto de UEA kiel redaktoro de la Jarlibro. Tiam aparte logis min la ebleco esti akceptita de TEJO por redakti *KONTAKTO*-n, ĉar "revivigi" la gazeton, kiel oni tiam diris, estis granda defio. Mia deziro realiĝis kaj . . . ni komencis labori. Ni redifinis la rolon de la gazeto por la 1990-aj kaj komplete ŝanĝis la grafikon.

Kaj ankaŭ estis defio skizi retrorigardon al nia 30-jarulĉjo. Indulgu min tiuj, kies nomojn mi ne menciis en tiu ĉi retrorigardo kaj kiuj tamen laboregis por *KONTAKTO*.

La daŭrigon de tiu ĉi rakonto verkos mia posteulo . . . se *KONTAKTO* plu vivos. Kaj pri tio vi havas fortan voĉon. Kvankam nia gazeto radikale ŝanĝiĝis kaj abonoj komencis kreski, multaj ankoraŭ ne konas ĝin. Ŝajnas al mi, ke 10 jarojn post la enkonduko de facilaj tekstoj, multaj ankoraŭ ne malkovris la eblojn ekspluati *KONTAKTO*-n en siaj kursoj. Konsideru tion kaj ne forgesu sendi interesajn kontribuaĵojn. Intertempe . . . **Feliĉan 30-jariĝon, *KONTAKTO*!**

*Francisco L. Veuthey*

**Kompletigu vian kolekton de malnovaj numeroj de *KONTAKTO*!**

**Haveblas ankoraŭ n-roj 49-54, 56-68, 70-82, 84-87, 89-94, 97-112, 114-119 kaj 121-126. Ĉiu numero el la jaroj 1976-1980 (t.e. n-roj 49-68) kostas 1,50 gld.; pli novaj 1,00 gld. El la jarkolekto 1992 haveblas n-roj 128 (4 gld.), 129 (5 gld.), 130/131 (6 gld.) kaj 132 (4 gld.). La sendokostoj estas inkluzivitaj, sed por la EK-landoj aldoniĝas imposto de 6%. Se vi mendas pli ol 20 ekz., vi ricevas rabaton de 30%! Mendu ĉe UEA.**



Parto de la originala artikolo sur la paĝoj de Kontakto numero 137-138 (1993:5-6)

**Movadozo**
En 1976 Kontakto migris al Finnlando, kie italo Giorgio Silfer kaj ties finna kunredaktoro Jouko Lindstedt transprenis la redaktadon.

Nova enketo ĉe la legantaro montris, ke la averaĝa Kontakto-leganto estas okcidenta, plenkreska "aŭ almenaŭ ne flavbeka viro", kiu lernis Esperanton inter 1966 kaj 1972 precipe kiel aŭtodidakto, aktiva movadano, kiu preskaŭ nepre scipovas la anglan. Diagnozo: "movadozo", Silfer anoncis. Nun do la movado mem kaj la socia engaĝo de la esperantista junularo aparte aperis sur la paĝoj. Epoko de furora movadismo kaj rezolucioj… eĉ Kontakto ekhavis propran redakcian regularon!

Studento Silfer estis tiutempe redaktoro ankaŭ de Literatura foiro. Estis preskaŭ neeble ĝisdatigi la revuon. Eĉ la apero de duoblaj numeroj (post unujara silentado) ne multe helpis. La malfruo, kiu atingis la rekordon de 18 monatoj, eniris la folkloron de la tiama junulara movado ĝis tiu grado, ke oni dum-kongrese verkis mokan kantojn pri ĝi.

Post tri-jara redaktado Silfer, pro "troaĝiĝo", transdonis numeron 54 (1977:2) al Jouko.

**Inter vangofrapo kaj ora epoko**
Jouko redaktis nur unu numeron, kaj tiam, neantaŭvidite, forlasis la redakcion. "La abrupta retirigo de Juoko estis vangofrapo al la pene restariĝanta ĝisdatiĝo de la lastaj numeroj de Silfer", konstatas novzelandano Stefan MacGill, tiama UEA-oficisto, teknika redaktoro kaj grafikisto de Kontakto. Stefan ne havis alternativon krom preni la redaktorecon.

Sub la premego de tioma malfruado, oni devis fari kion ajn, eĉ inviti gejunulojn al "festo" en Roterdamo, kaj tie devigi ilin surbendigi diskutadon pri edukado por fulme plenigi numeron. De tiam la redakcio koncentriĝis ĉirkaŭ la monda umbiliko, la Centra Oficejo (CO), por ebligi la ĝisdatigon de la revuo.

Aro da talentaj CO-volontuloj faris sian plejeblon tra diversaj temaj numeroj: Giulio Cappa (Italio) pri komunikado, Karl Pov (Usono) pri scienc-fikcio kaj tre popularaj jaraj resumoj pri la aktuala Esperanta literaturo, Anna Brennan (Britio) pri seksa diskriminacio kaj stereotipoj, se ne paroli pri Daŝgupto (Hindio), Haddon (Anglio) k.a.

Sed Stefan ne restis sola kiel redaktoro: Giulio Cappa akompanis lin de 1978 ĝis preskaŭ fino de 1979 kaj ekde tiam alia italo, Dario Besseghini, kunredaktoris Kontakto-n. Nia rubriko Tentakloj naskiĝis ĝuste tiam, fine de la sepdekaj, kiel serio de respondeblaj polemikaj demandoj celantaj maksimume enplekti la legantojn. La Manifesto de Raŭmo, kaj IJK-aj rezolucioj, la partopreno de TEJO en neesperantistaj forumoj dank' al ĝia aktiva Komisiono de Eksteraj Rilatoj, diversaj internaciaj movadoj kaj UN-umado – ĉio trovis lokon en Kontakto. "Kvankam ni tiam ne konstatis, kaj eĉ estus vigle neintaj tion, tie, fine de la sepdekaj okazis nia ora epoko", – asertas Stefan MacGill.

En 1978 Kontakto estis ekspedita al pli ol 700 adresoj en 50 landoj. La abonantaro (legantoj ne-membroj de TEJO) kreskis je 27% kaj unuafoje stariĝis kolektiva abono: 50 ekzempleroj de ĉiu numero iris al Hungario.

Stefan foriris kiel redaktoro en la "komputora numero", la dua de 1980, kvankam li restis malantaŭ la kulisoj. Tiam al Dario aliĝis Karl Pov. La Kontakto-j kun Stefan estis grafike belaj, inĝeniaj, interesaj enhave.

Karl Pov foriris komence de 1981. Tiam oni komencis presi Kontakto-n en Grafika Centro Antverpeno (GCA), kiu tiam dependis de UEA.

**La granda metamorfozo**
Komence de la 1980-aj la TEJO-junuloj komencis revi pri alispeca gazeto. Ili volis pli oftan kaj pli facilan periodaĵon. Post du jaroj da pensado kaj parolado oni konkludis, ke necesas ne lanĉi ion novan, sed utiligi jam ekzistantan. Kontakto pro sia junulara publiko, kiu ĝenerale estas komencantoj, montriĝis taŭga por tio. Do okazis "ne ŝanĝo de revuo, sed ŝanĝo en revuo", kiel siatempe Anna asertis.

La enkonduko de duona Kontakto en facila lingvo verŝajne venis kiel reago al la lingvo de la gazeto, kiu lastatempe atingis akademian nivelon. Géza Kurucz, tiama redaktoro de Juna Amiko, en 1976 opiniis: "La krizo de niaj gazetoj sin kaŝas en la balbutemo de la membraro. Postkursaj novuloj (la plimulto) ne kapablas sieĝi altstilajn revuojn."

Multaj neniam pardonis al Kontakto, ke komence de la 1980-aj ĝi perdis sian soci-politikan engaĝon. La vero estas, ke la junularo mem perdis tion. Aliflanke, la apero de Monato kiel politika magazino sur la Esperanta scenejo en 1980 plus la malalta abonantaro devigis Kontakto-n redifini sian rolon. La alternativo estis ekkonsideri komencantojn.

Kontakto plu estis laŭ-tema: loĝado, toleremo, religio, kooperativoj... Ankaŭ ludoj, ĉefe lingvaj, akompanis ĉiun numeron. Aperis klerigaj primovadaj artikoloj. Sed la movado mem restis ekster Kontakto: en 1983 estis lanĉita "Tejo Tutmonde" – la "movada organo de TEJO". Tio eĉ pli emfazis la soci-kulturan rolon de Kontakto.

En tiu sama jaro la nova, dumonata facillingva Kontakto estis preta. En la unua numero, kiu prezentis i.a. la vortoliston kaj la unuan facillingvan rakonton de Piron speciale verkitan por la revuo, oni ĵuris, ke la revuo ekde nun aperos ĝustatempe. La ŝulditajn numerojn de 1982 oni liveris poiome tra 1983.

Laborinte tri jarojn en la CO, en 1982 Anna iris loĝi en Italion. Tien ŝi kunportis la redaktorecon por la facillingva parto. En 1983 Dario adiaŭis kaj tiam oni komencis serĉi redaktoron por la cetera parto.

La novspeca Kontakto sukcesis: la abon-nombro, el kiuj 380 estis novaj kolektivaj, subite altiĝis de ĉirkaŭ 800 al ĉirkaŭ 1800. La preskvanto leviĝis de 1300 ĝis 2300 en unu jaro! Tion principe determinis la grandanima politiko pri kolektivaj abonoj de la afrika agado de UEA, kiu pagis multajn abonojn al afrikanoj. Kaj, kvankam pagipovaj abonoj ne venis kiel esperite, montriĝis, ke la novspeca Kontakto ĝuas bonan akcepton.

**…Estrarano? Ne, dankon!**

En julio 1983 dum la IJK en Debrecen, Hungario, la tiama prezidanto de TEJO, Amri Wandel, proponis al juna svedo fariĝi estrarano. "Ne, dankon, estrara laboro ne estas mia afero, sed mi volus redakti Kontakto-n. Mi eksciis, ke mankas redaktanto de la malfacila parto…", respondis Leif Nordenstorm. Leif do akompanis Anna-n ekde 1982.

Kun la unua numero de 1986, kiu estis dediĉita al la stranga litero ĥ, foriris Stefan MacGill, post jardeko da "kontaktumado". Lian enpaĝigan laboron transprenis Guido Baeyens kaj Hugo Fontyn en GCA. Anna foriris unu numeron poste. Tiam Leif iĝis "la" redaktoro.

En 1985 Kontakto-n ricevis 1609 homoj.

**Skuoj kaj rekordo**

Meze de la 1980-aj la publiko komencis montriĝi laca pri temaj numeroj. "… Dosier-gazetoj kvazaŭ frustracias mian malkovreman malsaton. La plezuro tralegi gazeton naskiĝas de la bunteco de la artikolaro…", plendis leganto. Kiel sekvo, Leif komencis publikigi kelkajn sen-temajn numerojn. Kompili temajn numerojn jam antaŭe montriĝis malesperiga por la redaktoroj, kiuj multfoje devis mem abunde verki pro manko de materialo.

En 1987 aperis rezulto de nova enketo. 56% de la legantoj lernis la lingvon en 1981 aŭ poste. La revuon legas 50-procente gejunuloj kaj 50-procente – plen-kreskuloj, kiuj volas legi malfacilajn tekstojn. 68% estas viroj, 84% aktivas en la Movado. Plej popularis dum la lastaj jaroj artikolo pri la bestego de la lago Loch Ness de Bernard Golden kaj la facillingvaj rakontoj de Piron.

Fine de 1987 oni entreprenis regulan facillingvan serion por klerigi pri la Esperanta historio kaj movada organizo. Aliflanke, tro longaj (kvar- aŭ eĉ ses-paĝaj) artikoloj pri ne tro interesaj temoj, kiel mekanikaj detaloj de biciklo, ne allogis… Dum tiu ĉi periodo la numeroj plu aperas sufiĉe akurate, sed la kvalito de la revuo ade suferas: la artikoloj estas iel-tiel kunmetitaj, malrevue, por tiel diri. Plie, koloro, grava grafika rimedo apenaŭ uzata dum la lastaj tempoj, forfumiĝis el la internaj paĝoj en tiu ĉi jaro. Fine de 1987 oni apelaciis al konkurso, io absolute malofta tiam, por altiri facillingvajn artikolojn.

En 1988 la estrar-raporto de UEA minacis, ke "… ekde 1989 aperos denove nur 4 numeroj de Kontakto (anstataŭ 6 kiel ĝis nun)…", ĉar kvankam la eldonkvanto vagadis ĉirkaŭ 2000, estis multe malpli da pagantaj abonantoj. La granda plimulto de la ricevantoj estis aŭ membroj de TEJO kaj sekve ricevis la revuon senpage (t.e. je la kostoj de UEA), aŭ estis legantoj en netranspagipovaj landoj, kaj ankaŭ ricevis ĝin senpage. "Kaze de deziro de pli ofta aperigo, TEJO liveru realan pravigon", la raporto agacis. Sekvis pensiga reago de leganto: "Oni diras, ke Kontakto estas deficita revuo, sed interesan perspektivon oni ricevas, komparante ĝin kun Esperanto. Abonoj en 1987 al Kontakto sumis je 11 584 guldenoj, preskaŭ 41% de la kostoj (28 356 guldenoj). Abonoj al Esperanto sumis je 19 321 guldenoj, iomete pli ol 17% de la kostoj (111 852 guldenoj), kvankam tiuj nombroj ne estas kompletaj. Kial oni kulpigas aparte Kontakto-n pri troa kosto? Ĝi ne nur estas pli memstara finance ol Esperanto (ekster la membraro), sed entute ĝia kosto estas preskaŭ bagatela en la komparo…" (n-ro 111, 1988:5).

Efektive, Kontakto aperis nur 4-foje en 1989, fine de kiu Leif reiris al la nordo de Svedio por prizorgi sian ĵusnaskitan bebon kaj reeklabori kiel pastro. Li tenas la redaktoran rekordon: 37 numeroj tra ses jaroj.

**Reengaĝiĝo**

La jaron 1990 inaŭguris numero redaktita en CO de Javier Moleón. La torĉon tamen transprenis István Ertl el Hungario, kiu revenis al temaj numeroj: orienteŭropa politiko, marĝenuloj, la paro, literaturo... Kontakto denove engaĝiĝis. Agacis pripalestina artikolo. Epoko de densegaj tekstoj. Mi memoras 4-paĝan literoplenan tradukon sub la halucina titolo *La svisoj estas samtempe liberaj, malliberuloj kaj gardistoj de si mem* kun subtitolo *Parolado de Friedrich Dürrenmatt okaze de la transdono de la premio "Gottlieb Duttweiler" al Václav Havel, la 22-an de novembro 1990 apud Zürich (Svislando).*

Pro la nesufiĉa abonantaro la nigra korvo de malfondo plu ĉirkaŭŝvebis. Malkvietiĝantaj TEJO-rondoj komencis paroli pri novspeca Kontakto. En 1992 István estis elektita kiel redaktoro de Esperanto kaj devis forlasi Kontakto-n.

**Kaj poste?…**

En 1992 mi iĝis oficisto de UEA kiel redaktoro de la Jarlibro. Tiam aparte logis min la eblo esti akceptita de TEJO por redakti Kontakto-n, ĉar "revivigi" la gazeton, kiel oni tiam diris, estis granda defio. Mia deziro realiĝis kaj… ni komencis labori. Ni redifinis la rolon de la gazeto por

la 1990-aj kaj komplete ŝanĝis la grafikon.

Kaj ankaŭ estis defio skizi retrorigardon al nia 30-jarulĉjo. Indulgu min tiuj, kies nomojn mi ne menciis en tiu ĉi retrorigardo kaj kiuj tamen laboregis por Kontakto. La daŭrigon de tiu ĉi rakonto verkos mia posteulo… se Kontakto plu vivos. Kaj pri tio vi havas fortan voĉon. Kvankam nia gazeto radikale ŝanĝiĝis kaj abonoj komencis kreski, multaj ankoraŭ ne konas ĝin. Ŝajnas al mi, ke 10 jarojn post la enkonduko de facilaj tekstoj, multaj ankoraŭ ne malkovris la eblojn ekspluati Kontakto-n en siaj kursoj. Konsideru tion kaj ne forgesu sendi interesajn kontribuaĵojn. Intertempe... feliĉan 30-jariĝon, Kontakto!

# El vivo de unu verda simio

*Mi esperantistiĝis, estante relative juna. Kiam la novkonitaj samideanoj prezentis sin al mi per la paroloj, kiel ekz., "kvindek jaroj en la Esperanto-movado", mi anstataŭ esprimi admiron, apenaŭ povis reteni ridon. Tiam por la dekokjarulo jardekoj ŝajnis abstrakta tempo-dimensio...*

*Roman Dobrzyński, Pollando*

**La komenco**

Ankaŭ mia unua renkontiĝo kun esperantistoj estis markita per dozo da komikeco. En la malnovurba varsovia strato Kozia (Kapra) mi rimarkis surmure verdan sageton kun la surskribo "Esperanto". Mi sekvis la sageton kaj trafis en la kelan ĉambron, kie sidis tri maljunuloj. Iom konfuzite mi demandis, kio estas "Esperanto". Ili tuj, rivalante unu kontraŭ la alia, superŝutis min per entuziasmaj klarigoj, kiuj ŝajnis neniam finiĝi. Mi sukcesis eskapi nur danke al la arde ripetata promeso partopreni kurson de la lingvo internacia. Fakte mi ĵuris neniam plu eniri la "Kapran straton". Kial mi tamen revenis kaj partoprenis la kurson? Tio okazis pro la "Tonkin-leĝo", laŭ kiu oni ja naskiĝas esperantisto.

Humphrey Tonkin verŝajne ankoraŭ ne estis malkovrinta tiun determinan faktoron de la esperantisteco, ĉar tiam li mem ne konis Esperanton, sed la leĝo jam latente funkciis. Mi lernis ĝin kelkajn jarojn pli poste de li mem. Sed ankoraŭ ne dum nia unua renkontiĝo, kiam ni partoprenis la IJK-on en Wokingham, Britio en la jaro 1961. Tiu TEJO-kongreso estis post jaroj baptita la "kongreso de la gigantoj". Ĉeestis ĝin la junuloj, kiuj poste fariĝis korifeoj de la monda Esperanto-movado, kiel John Wells, Victor Sadler, Diccon Masterman, Ulrich Lins, Carlo Minnaja kaj aliaj. Kun ili TEJO elanis al novaj agoj.


Roman Dobrzyński (fotita de Yves Nevelsteen)

**Junecaj bataloj**

La 17-a laŭvice, sed por mi la unua TEJO-kongreso postlasis fortan impreson. Mi rememoru nur unu epizodon. Uwe Joahim Moritz, prezidanto de Germana Esperanto-Junularo, kune kun Ulrich Lins kaj aliaj germanaj gejunuloj proponis al mi, kiel prezidanto de Pola Esperanto-Junularo, oficialajn interparolojn. En fiksita tago kaj je fiksita horo ni komencis intertrakti kun plena konvinko, ke ni solvas problemojn de la tiama malvarm-milita mondo. La interparoloj finiĝis per solena subskribo de la "Kontrakto pri Kunlaboro inter GEJ kaj PEJ".

Ĉi tie necesas klarigi, ke la pola komunismo uzis en sia propagando la "germanan timigilon". Estis eksponata

la jena tezo: "Pollando aŭ estos "popoldemokratia" (legu: komunisma) lando, aŭ ĝi ne plu ekzistos, ĉar nur Sovet-Unio garantias la integrecon de ĝia teritorio, minacatan de la "germanaj revenĝistoj". Rilatoj inter poloj kaj okcidentaj germanoj praktike ne ekzistis kaj tio estis intenca politiko de la registaro. Reveninte en Varsovion, mi faris raporton al la estraro de Pola Esperanto-Asocio kaj fiere prezentis la historian dokumenton pri la repaciĝo inter la pola kaj germana junularoj. Imagu la skandalon! Oni severe admonis min pro la senrajte memstara iniciato modifi la fundamentajn principojn de la eksterlanda politiko de la "popola ŝtato".

Malgraŭ la problemoj, mi finfine sentis veran fieron pro la kontrakto, kiam kelkajn jarojn poste la pola episkoparo publikigis "malferman leteron" al la germanaj episkopoj, kiu enhavis la "historian" frazon: "Ni pardonas kaj pardonpetas!" Tiu deklaro, kontraŭa al la "pola ŝtat-racio", fariĝis preteksto por akra atako de la oficiala propagando kontraŭ la eklezio. Tamen la popolo sentis la repacigajn intencojn de sia episkoparo pravaj. Kaj la "Kontrakto de Wokingham", kiu fizike ie malaperis, fakte ekfunkciis. En 1965 laŭ la iniciato de Ulrich Lins Germana Esperanto-Junularo invitis min en Okcidentan Germanion fari prelegan rondvojaĝon, kiu ankaŭ laŭ mia profesia ĵurnalista vidpunkto estis fruktodona. Poste PEJ invitis en Pollandon la membrinon de GEJ, Erika Rauschert. Tiu "revenĝistino" iĝis mia edzino.

Krome Wokingham fiksiĝis en mia konscio kiel loko, al kiu mi sukcesis la unuan fojon eskapi trans la feran kurtenon. Kaj tio okazis danke al Esperanto, pli prezcize pro la kialo, kiun la "Proverbaro Esperanta" difinas jene: "Se unu la alian spitas, la tria profitas". Fakte la ministerio pri kulturo planis sendi reprezentanton de la Pola Esperanto-Asocio al la UK en Harrogate. Inter la kandidatoj okazis granda kverelo. Rezulte oni trovis la "Salomonan solvon" kaj sendis min kiel prezidanton de PEJ al ambaŭ kongresoj.

**Movadaj ĉiutagaĵoj**

En tiu jaro, 1961, la pola movado impone kreskis. "Pola Esperantisto", aĉetebla en kioskoj, estis eldonata en 4 mil ekzempleroj. Pola Radio tutmonde aŭdiĝis en Esperanto. Tio estis ŝuldata al la fakto, ke iom pli frue ekestis politikaj cirkonstancoj, kiuj ebligis al la Esperanto-movado reĝermi en la Soveta bloko. En Pollando, kiu specialiĝas pri mirakloj, oni akceptis kiel ĉielan donacon la decidon de UEA organizi en Varsovio jubilean kongreson okaze de la centjara naskiĝdatreveno de Ludoviko Zamenhof en 1959. Tiam el siaj katakomboj eliris esperantistoj, kiuj, ankaŭ mirakle, transvivis la grandan militon, kaj poste sukcese rezistis la mornan tempon de stalinismo.

Por gejunuloj Esperanto montriĝis reala fenestro al la vasta mondo. Ĉiam pli da ili lernis la lingvon internacian kaj agis izolite en diversaj urboj. Bonŝance aperis eksterordinara individuo, Marek Pietrzak, kiu kapablis integri junajn esperantistojn enkadre de Pola Esperanto-Junularo. Marek inventis la ideon de NEOj, alivorte la kunlaboron kun neesperantistaj organizaĵoj. Iumomente PEJ, kiel sekcio de PEA, fariĝis pli granda ol ĝia patrina organizaĵo. Interesa fenomeno de tiu epoko estis "intergeneracia vakuo", kaŭzita de la milito kaj stalinismo. Mankis la mezaĝa generacio, dum troa distanco dividis la veteranojn disde la gejunuloj. El tiu fakto rezultis kelkaj problemoj, kiujn junaj esperantistoj diversmaniere frontis. Mi mem pro la nature gaja humorsento, trovis en la veteranoj sufiĉe da kaŭzoj por ridi kaj tio evidentiĝis bona bazo por fondi kabaredon.

**La kabareda vivo**

La "Verda Simio" naskiĝis en la jaro 1958 en la amika rondo de studentoj el la varsoviaj muzika kaj teatra altlernejoj. Tiuj art-aspirantoj sentis naturan bezonon de prezentiĝado. Mi, kiel studento de juro kaj poste de ĵurnalismo, estis inter ili la sola "profano", sed ili volonte sekvis min sur la vojo de Esperanto, ĉar ĝi montriĝis iu nova atrakcio kaj antaŭ ĉio garantiis sufiĉe vastan publikon. Nun ŝajnas fantazio, ke ni prezentis nin antaŭ centoj da spektantoj eĉ sendepende de Esperantaj aranĝoj. La "Verda Simio" "konkeris" ankaŭ neesperantistan publikon kiel "Zielona Małpa", ĉar ĝiaj programoj grandparte konsistis el "universalaj" pecoj, ĉefe kantoj, kiuj povis esti plenumataj en Esperanto aŭ en la pola lingvo konforme al aktuala bezono. La studentoj plenumis siajn kontribuaĵojn sur la "antaŭdiplome profesia nivelo".

Tamen la "Verda Simio" uzis ĉefe Esperanton. Mi mem definitive konvinkiĝis, ke ĝi estas vera lingvo, ĉar homoj ridis dum la spektakloj ekzakte laŭ la intencoj de la junaj artistoj. La esperantistoj ne nur ridis, ankaŭ ofendiĝadis aŭ protestis, tamen multaj aprobe rigardis la kabaredon kiel la kurban spegulon de la tiama movado. Por ni, gejunuloj, estis ridinda la ceremoniemo de la veteranoj, ilia seriozega celebrado de siaj funkcioj, manifestado de sia graveco, supertaksado de siaj agoj, ĉiam konsiderataj kiel "grandaj sukcesoj". Sed plej ofte en la spektakloj de la "Verda Simio" respeguliĝis la terura esperantista kverelemo. La tekstojn mi verkis en kruda formo. Poste ili estis surscenigataj per komuna inventado de gagoj kaj akcesoraĵoj.

Notinda epizodo en la historio de la "Verda Simio" estis ĝia prezentado dum la Jubilea Universala Kongreso de Esperanto en Varsovio (1959). Tondraj ridoj kaj fortaj aplaŭdoj de la internacia publiko legitimis la kvaliton de la kabaredo. Veran triumfon ĝi gajnis dum la Internacia Junulara Kongreso en la bulgara urbo Vraca (1963) per la programo "Komuna Fotografaĵo". Kontribuis al la sukceso

Diccon Masterman, kiu gvidis la tutan spektaklon. Kun sia angla flegmo li ridinde kontrastis la temperamenton de la cetera trupo. Post la kongreso de TEJO la "Verda Simio" prezentis sin ankaŭ dum la UK en Sofio kaj poste, jam kiel "Zelenata Majmuna", montris sian programon por la bulgara publiko en Plovdiv.

**Kaj poste?**
Tri jarojn pli poste mi partoprenis ankoraŭ unu TEJO-kongreson en Pecs (Hungario). Ĝi estis tumulta milpersona aranĝo kaj same kiel Wokingham kaj Vraca firmigis por ĉiam mian fidelecon al Esperanto. En Pecs mi estis sen la kabaredo. Jam en 1963 la plimulto de la "verdaj simioj" diplomiĝis kaj komencis sian profesian karieron. Sekvis rutinaj eventoj de la vivo, kiuj ne plu lasis tempon por la "frenezaĵoj de la juneco". Kaj la tekstoj? Grandparte ili ekzistis kiel malnetaj manuskriptoj; multaj simple perdiĝis. Sed kelkajn humuraĵojn de tiu tempo mi prezentos por via atento.

# Ekspedicio al la Verda Simio

*Roman Dobrzyński, Pollando*

Ni atingis la randojn de la ĝangalo, dum la arda afrika suno estis subiranta kaj similis gigantan ruĝan diskon.

– Tuj ni atingos mian vilaĝon – informis ĝoje samideano Mambo, mortigante grandan insekton sur la brile ŝvitanta femuro. Nia gvidanto havis sur la nuda brusto pentritan grandan verdan stelon kun kvar literoj: NEĜO. Li estis elstara membro de la Negra Esperanta Ĝangala Organizo, al kies sidejo ni marŝis. De ne tro fora distanco aŭdiĝis konata melodio:

*En densa afrika ĝangalo*
*Ni, fratoj de ĉiu naci',*
*Jam solvis la lingvan problemon,*
*Per tam-tam disiĝas la kri'.*

Efektive orelfrape ritmis tamtamoj kaj la tuta ĝangalo obstine eĥis:

– Esperanto estas la lingvo por ni, por ni!

Baldaŭ ni ekvidis la kantistojn, kiuj samtempe dancis ĉirkaŭ la fajrujo. Sur iliaj nudaj korpoj brilis verdaj steloj. Mi eksploris pro emocio.

– Ĉu vi vidas la kaldronon super la fajro? – demandis Mambo kaj tuj mem respondis: – Jen via vespermanĝo! Honore al via "Karavano de Amikeco"[1] la samideanoj kuiras la solan en nia ĝangalo kontraŭulon de Esperanto.

Ni ĝuis la veran etoson de Esperantujo. La tuta ĝangalo estis plena de nia ideo. La luno brilis kiel granda ĉiela lustro. Ĝiaj radioj lumis arĝentkolore, sed – mirinda afero! – la ĝangalo restis verda. Ĉio verdis: arboj, arbustoj, endormiĝintaj papagoj kaj tigroj postsekvantaj predon...

– Tio estas la frukto de celtrafa propagando, kiun persiste efektivigas la aktivuloj de NEĜO, sekvante la Principaron de Frostavallen, – klarigis Mambo.

La sekvan tagon, frumatene, nia amikeca karavano ekmarŝis direkte al la plej grava celo de nia ekspedicio. Ni esperis fine malkovri la faman Verdan Simion. Onidire ĝi estis nur legendo kiel Eldorado. Sed ni forte kredis ĝian veran ekziston kaj nia instinkto de mondvojaĝantoj ne trompis nin. La Verda Simio surprize mem aperis, ĝi pendfiksis sin per la vosto al alta arbobranĉo kaj komencis, en perfekta Esperanto, gajan konversacion, tiel interesan, ke mi decidis prezenti ĝin en alia ĉapitro de tiu ĉi libro. Ĉifoje mi nur citu lertan versaĵeton, per kiu la Verda Simio adiaŭis nin:

*En Esperanto ĉio verdas,*
*Malgraŭ la sortofrapoj,*
*En verdaj brustoj verdas koroj*
*Kaj verde en la kapoj*[2].

## KOMENTOJ

1. Karavano de Amikeco al Afriko efektive okazis en la jaro komence de la 1960-aj jaroj; ĝin konsistigis internacia grupo de esperantistoj gvidataj de Tibor Sekelj.
2. La pola esprimo "verde en la kapo" signifas "esti ne tute serioza".

# Esperantoj

*Roman Dobrzyński, Pollando*

Ni estas prudentaj esperantistoj. Ni esperas laŭplane. En la perspektiva esperplano, kiel la ĉefan taskon ni enmetis la esperadon pri enkonduko de Esperanto en la lernejon de nia vilaĝo. Krome nia estraro fiksis detalan planon, laŭ kiu ĉiuj estraranoj esperas pri konkretaj fakoj, unu pri instruado, alia pri kulturo, mi persone – pri produktado de verdaj steloj ktp. Tamen plej sindone kaj ofereme esperas nia estrarano pri financoj – la ŝvito neniam malaperas de sur lia frunto. Foje li eĉ svenis pro tro intensa esperado. Vera martiro de nia ideo.

Ho, jes! Ne pensu, ke esperado estas facila tasko. La afero postulas sciencan pritrakton, tial ni jam fondis CED, tio estas la Centron de Esperado kaj Dormado. La unua temo de la sciencnivela diskuto estis difino de la nocio "espero". Kelkaj opinias, ke "espero" estas "pero de eso", dum la aliaj asertas, ke ĝi estas "ero de espo". Tiu dialektiko jam kaŭzis internan militon inter niaj membroj. Ĝuste! Eĉ la "Zamenhofa proverbaro" instruas: "Ne ekzistas espero sen kverelo".

Modele esperas nia kara prezidanto. Dank' al li nia esperado estas sukcesa kaj nia organizaĵo stabilas spite ĉiujn obstaklojn, kiujn ni lastatempe suferis. Subite venis en nian vilaĝon junulo, kiu komencis instrui nian karan lingvon en la loka lernejo. Lia senplana, ni eĉ diru, sovaĝa agado, endanĝerigis nian bele evoluantan esperadon. Feliĉe, dank' al nia vilaĝestro, kiu ankaŭ estas obstina kaj arda esperanto, oni forpelis el nia vilaĝo la junan uzurpinton. Nun ni povas senĝene plu esperadi, rekte, kuraĝe kaj neflankiĝante. Vivu la esper'!

# Parolas Varsovio

*Roman Dobrzyński, Pollando*

– Parolas Varsovio, la naskiĝurbo de Esperanto. Bonan tagon, karaj geaŭskultantoj. Unue vi aŭdos novaĵojn kaj la reston de nia hodiaŭa disaŭdigo okupos la raporto pri la 48-a Universala Kongreso de Esperanto, okazanta ĉi-momente en Sofio, la ĉefurbo de Bulgario. Jen la novaĵoj.

– El la lando: granda atingo de la pola preciza industrio! Ĵus estis inaŭgurita nova horloĝ-fabriko. Jam la unua produktoserio de niaj horloĝoj montris, ke ili estas la plej rapidaj en la mondo. Ni aldonu parenteze, ke en la antaŭmilita kapitalisma Pollando oni produktis horloĝojn nur el ligno, kaj ili memkompreneble estis tro malrapidaj kaj kaŭzis malprogreson de nia patrujo.

– En apudvarsovia vilaĝo viro mortigis sian bopatrinon per viandmuelilo. Ni prezentas tiun ĉi malĝojan eventon, por ĉe-okaze substreki, ke la produktokvanto de viandmueliloj kaj sekve ilia uzo tiel rapide kreskas, ke rezulte oni observas en la vendejoj mankon de viando.

– Vi aŭdis la novaĵojn kaj nun ni konektiĝas al nia speciala sendito al la 48-a UK.

– Saluton el Sofio, karaj geaŭskultantoj! La aktuala ĉefurbo de Esperantujo dronas en verdaĵoj: verdaj flagoj, verdaj steloj, eĉ la arbfolioj verdiĝis okaze de la kongreso. Ĉiuloke regas entuziasmo pri nia afero kaj speciale inter la partoprenantoj de la infana kongreseto. Bonan tagon infanoj!

– Bonan tagon, homo!

– Kiu volas diri kelkajn vortojn por la amataj aŭskultantoj de la Pola Radio? Eble vi, knabeto. Kiel vi nomiĝas?

– Jorĝo. Mi estas denaska esperantisto.

– Kie vi lernis Esperanton?

– Stulta demando, homo! Klare, mi faris kurson jam en la ventro de mia panjo.

– Kaj nun vi, knabineto, eble vi kantos al niaj aŭskultantoj?

– Ilis lano malglanda tlinki en fonteto, kaj ŝin glutis lapide la cikonieto.

– Terura afero!

– Ne telula, ne! La cikonieto havis bongustan matenmanĝon.

– Dankon, karaj infanoj. Sed kial vi ploras, knabeto?

– Ĉar ankaŭ mi volas kanti. Mia paĉjo instruis al mi kontraŭmilitan kanzonon.

– Karaj geaŭskultantoj, jen bona ekzemplo de la edukado en la Zamenhofa spirito de paco kaj amikeco. Bonvolu kanti, samideaneto.

– Mi revas pri milito sen sango kaj sen tomboj, dum kiu mian urbon bombardos... la seksbomboj...

– Karaj geaŭskultantoj, mi troviĝas denove sur la verde ornamitaj stratoj de Sofio, plenaj de la samideanoj. Pardonu, sinjoro, el kiu lando vi estas?

– El Skotlando.

– Ĉu vi ĝuas la kongreson?

– Koŭmpreneble. Tio estas mia poŭstgeedziĝa voŭjaĝo.

– Kie estas la novedzino?

– Hejme, ĉar ŝi vizitis Bulgarion peŭsintjare.

– Dankon! Ho, mi vidas mian konaton, la francan aŭskultanton de la Pola Radio. Saluton! Kion vi opinias pri la movado en Pollando, en la lulilo de Esperanto?

– Mi pensás, ke la movadó en siá lulilió tre boné... dormás.

– Eble, ni rememoru vian viziton al Varsovio. Kiuj konstruaĵoj tie plej plaĉis al vi?

– Mi pensás, ke en Pollandó plej boné estás konstruitáj... la knabinój.

– Dankon. Nun mi renkontas nian aŭskultanton el Sovet-Unio. Pardonu, kiun valoron vi trovas en Esperanto?

– Nu, vidu, Espjeranta estas bona rimjeda en interkampreniĝa inter arienta kaj akcidenta.

– Karaj aŭskultantoj, mi aldonu, ke Esperanto servas kiel peranto inter la kulturoj. Pruvas tiun senduban fakton la furora kabaredo el Pollando “Verda Simio”. Nian raporton finas Feliks Gałecki[1] per populara kanzono pri la truto de Ŝuberto. Mi aldonu, ke post kiam en Pollando la povon transprenis la laborista klaso aliance kun la kamparanoj, la bredado de fiŝoj, aparte de trutoj, kreskis dekoble. Ĝis la reaŭdo.

*Torento diafana tra valo fluas for.*
*En ĝi sin truto banas petole kun fervor’.*
*Al ĉiu fiŝkaptisto ĝi krias kun avert:*
*Ne kaptu min! Mi estas la Truto de Ŝubert’.*

*Feliĉe pasis jaroj de la famega fiŝ’,*
*Ne nur videbla akve, sed ankaŭ sur afiŝ’.*
*Kaj multaj homoj iris volonte al koncert’*
*Por plu kaj plu aŭskulti la Truton de Ŝubert’.*

*Sed venis novaj tempoj de roko kaj de pop’.*
*Makdonaldiĝis ege kulturo de Eŭrop’.*
*La truton kaptis ulo – pri fiŝ-kaptad’ ekspert’ –*
*Kiu nenion sciis pri Truto de Ŝubert’*
*(Kaj eĉ nenion aŭdis pri iu Franz Ŝubert’).*

## KOMENTOJ

1. Feliks Gałecki poste iĝis fama baritono en la Varsovia Operejo.

# Necesa monumento

*Roman Dobrzyński, Pollando*

– La monumenton mi konsideras inaŭgurita! (fanfaroj) Mi vidas larmojn en viaj okuloj, samideanoj. Jes, ili estas pravaj larmoj de ĝojo. Post longa laborado, ĉu ni ne venkis en decida hor'? Jen nia venko! Tiu ĉi monumento! Ne iu bronza ĉevalo, sur kiu famas generalo, venkita en iu batalo. Eĉ se tiu generalo venkus, kiun profiton havus la popolo pro tunoj da metalo? Ni inaŭguris utilan, mi ripetu – utilan monumenton! Nun mi invitas al la parolejo la veran heroon de la hodiaŭa solenaĵo, kiu iniciatis tiun ĉi verkon kaj sukcese prezidis la Lokan Necesejan Komitaton. Mi petas vin, kara samideano, fari festparoladon.

– Jen antaŭ niaj okuloj, plenaj de larmoj, pravaj larmoj – kiel trafe rimarkis nia prezidanto – videblas monumento ne nur utila, sed eĉ necesa. Tiel oni povas dedukti el ĝia nomo mem: "ne-ce-se-jo". Por nia esperantista grupo tiu ĉi necesa objekto havas apartan signifon. Ĝi estas la unua en la mondo Esperanto-necesejo. Samideanoj el la plej malproksimaj landoj venos admiri ĝin nur pro tio, ke ĝi estas la unua tiuspeca objekto en Esperantujo.

Jam ekzistas multaj Zamenhof-stratoj, Esperanto-placoj, memortabuloj ktp. Oni establas Esperanto-kafejojn, enkondukas nian karan lingvon en lernejojn. Bone, tio estas laŭdinda agado. Tamen komprenu, samideanoj, ke kafejojn vizitas malgranda parto de la homaro, lernejojn frekventas nur infanoj kaj gejunuloj dum kelka tempo. Sed necesejojn vizitas ĉiuj, sendepende de aĝo, sekso, raso kaj politikaj konvinkoj, ĉiuj, ĉie kaj ĉiam. Estas ni, nia esperantista grupo, kiu trovis la vojon al la tuta homaro.

Ne mankas en la mondo malamikoj de Esperanto. Ili neglektas niajn kafejojn, kursojn, kongresojn. Sed ili ne povas ignori nian necesejon. Aŭskultu la jenan parabolon: en la apuda strato promenas malamiko de nia ideo. Subite li eksentas ventrodoloron. Li kuras tien, reen, maltrankvile rigardas ĉirkaŭe... kaj en la plej kriza momento ekvidas tiun ĉi, ĵus inaŭguritan objekton. Li enkuras ĝin kaj... li sentas feliĉon. Tiu sento kondukas lin al unusole ebla konkludo: "Esperanto savis min". Sekve tiu malamiko de Esperanto aŭtomate konvertiĝas en amikon de nia lingvo.

Sed tio ne sufiĉas. Apude devas daŭre deĵori niaj klubanoj pretaj tuj enmanigi flugfoliojn kaj aliĝilojn al la feliĉulo forlasanta la Esperanto-necesejon. Kaj tiel devas okazi en la tuta mondo. En ĉiuj landoj devas aperi miloj, milionoj da Esperanto-necesejoj. Jen la efika vojo al la fina venko.

Post tiu brila festparolado okazis reala inaŭguro de la necesa Esperanto-objekto. Ĉiuj estraranoj unu post la alia eniris internen por momento kaj restis tie ne pli ol unu minuton. Dume la infana ensemblo kantis:

*Ĝojas birdoj sur tegmentoj kaj ĝojas infanoj,*
*Ke la propran necesejon havas verdstelanoj.*
*Tie ĉi fiere kuŝas, ho, samideano,*
*La rezultoj de nutrado per la verda pano.*
*Ĝojas birdoj...*
*Utilecon ĝian montras senĉesa uzado,*
*Ĉar ne mankas la postaĵoj1 en nia movado.*
*Ĝojas birdoj...*

## KOMENTOJ

1. Postaĵo – en la pola lingvo tiu vorte figure signifas ankaŭ "sentaŭgulo".

# TEJO laŭ vidpunkto de togolanda aktivulo

*La jaro 2008 markas la 70-jariĝon de la Tutmonda Esperantista Junulara Organizo. Ĉi-okaze mi volus per ĉi tiu mia artikoleto prezenti personajn pensojn rilate al la funkciado de nia organizo. Komence mi prezentu min: mi estas togolanda aktivulo, membro de la Afrika Komisiono de UEA kaj komitatano A de TEJO por Togolando. Pasintjare mi partoprenis la 63-an Internacian Junularan Kongreson (IJK) en Hanojo (Vjetnamio) kaj ĉi-jare – la IJKon en Szombathely (Hungario).*

*Adjévi Adjé, Togolando*

---

TEJO por mi, en tiu mia vesto de aktivulo, estas tutmonda asocio kiu strebas al konstruo de pli bona mondo el la lingva vidpunkto. Ĝi donas egalan lokon al ĉiu en la komunikado kun aliaj membroj de la asocio, kio mankas al multaj internaciaj organizoj. Dank' al tio mi povas efektive aktivi sur la internacia scenejo, ĉar mi vere povas diskonigi la kulturojn de mia lando al aliaj popoloj en aliaj kontinentoj kaj same legi pri aliaj popoloj dank' al Esperanto.

Kelkajn jarojn post mia esperantistiĝo mi eksciis pri TEJO. Mi volis tiam larĝigi mian horizonton, kaj por mi estis multe pli facile kaj interese trovi amikojn per Esperanto, ol per aliaj lingvoj. Sur tiu vojo al spirit-malfermiĝo mi rapide estis rimarkita en la nacia movado, ĉar mi estraraniĝis en la landa asocio. Poste mi fariĝis MJ-T membro de UEA per la fondaĵo Canuto kaj mi ricevadas la revuojn Esperanto, Kontakto kaj TEJO Tutmonde, kiujn mi kun intereso ĉiam tralegadas.

La fakto ke mi lernis Esperanton kaj partoprenis du kongresojn de nia organizo, estis granda sperto por mi, ĉar tio estis miaj unuaj vojaĝoj respektive en Azion kaj Eŭropon. Dum tiuj ĉi renkontiĝoj mi trovis multajn amikojn kaj mi sentis min hejme en tiu medio. Plie, per la aktivado en TEJO kiel komitatano mi ankaŭ rimarkis, ke en Eŭropo oni aŭskultas la opinion de ĉiuj, pli aĝaj kaj malpli aĝaj membroj diskutas kune, kaj fine faras decidojn surbaze de ĉies kontribuoj. Diference de tio, en Afriko la opinio de maljunulo ĉiam pli valoras. Mi povas do diri, ke dank' al TEJO mi ricevis pli vastan komprenon kaj pli vastan rigardon al la mondo.

Unu el la celoj de mia vivo estas Esperanto, kaj mi volus labori por ĝi. Zamenhof iam diris, ke la plej grava subteno al Esperanto estas instrui la lingvon. Ne kongresi, ne organizi kongresojn, ne kunveni, ne diskuti pri reguloj kaj statutoj – antaŭ ĉio: instrui. Mi ŝatas instrui kaj mi volonte prezentas la lingvon al aliaj homoj sur mia kontinento. Mi daŭrigas la lingvan instruadon, preparante homojn por la laboro internacia en Afriko kadre de TEJO kaj UEA.

Tamen al mi ŝajnas, ke nia tutmonda organizo inklinas esti utila plejparte por eŭropaj esperantistoj, kaj tial ĝi ne plene malfermas siajn agadojn al esperantistoj sur aliaj kontinentoj. Multaj aranĝoj daŭre okazas en Eŭropo, dum en aliaj mondopartoj aperas kaj montras sin pli kaj pli entuziasmaj kaj energiplenaj junuloj. Verŝajne oni ankoraŭ opinias, ke Afriko ne havas sperton. Sed tio ne estas konstrua ideo: kiel do afrikaj esperantistoj povas akiri sperton, se neniam okazas sur la kontinento internacia kunlaboro?

ILEI jam faris la unuan paŝon. Ĝi organizis sian 41-an konferencon ĉi-jare en la benina urbo Portonovo, kaj ĝi sukcesis. Nun estas la vico de TEJO sekvi tiun ekzemplon!




Adjévi Adjé

# Kion afrikanoj pensas pri TEJO?

**Respondas Jérémie Sabiyumva (Burundio)**

**Kio estas TEJO por vi?**
TEJO laŭ mi estas grava organizo por junuloj. Ĝi zorgas aŭ almenaŭ devas zorgi pri organizado de junularo tutmonde.

**Kiel vi eksciis pri TEJO kaj kion vi faras por ĝi aŭ volas fari?**
Mi eksciis pri ĝi unuafoje de mia Esperanto-instruisto, kaj poste per UEA, kiam mi ekhavis rilatojn kun ĝi. Mi disvastigas informon pri ĝi inter gejunuloj de mia lando. Mi volas fari multon – interalie organizi kaj aktivigi gejunulojn en mia lando kaj en Afriko.

**Kion donis al vi la aktivado en TEJO?**
La aktivado en TEJO donis al mi la eblon ekscii multon pri Esperanto kaj malfermis la mondon al mi precipe per ĝiaj organoj.

**Kio, laŭ vi, estas la ĉefaj problemoj aŭ, male, atingoj kaj atutoj de la organizo?**
Laŭ mi, la ĉefaj problemoj de TEJO estas financaj. Kaj ĉi problemo kaŭzas la malaktivecon de junaj esperantistoj el malriĉaj landoj, ĉar ĉi-lastaj ne havas sufiĉajn rimedojn por partopreni diversajn aranĝojn de TEJO (kiel, ekzemple, IJK). De la alia flanko, en Afriko la gejunuloj mem ne estas sufiĉe bone informitaj pri TEJO. Malgraŭ tio, tiuj, kiuj jam estas informitaj pri la organizo, ege ŝatas ĝin kaj pretas kunlabori por disvastigi Esperanton inter gejunuloj.

***

**Respondas Eric Nsabiyumva (Burundio)**

**Kio estas TEJO por vi?**
Laŭ mia opinio, TEJO estas la internacia organizo, kiu ebligas al la gejunuloj tra la tuta mondo interdiskuti pri Esperanto kaj, sendube, pere de ĝi.

**Kiel vi eksciis pri TEJO kaj kion vi faras por ĝi aŭ volas fari?**
Mi eksciis pri TEJO ĝuste kiam mi estis akceptita kiel individua membro de UEA. Nuntempe mi instruas Esperanton por plifaciligi la atingojn de ties celoj. Mi volus pliamasigi la instruadon de Esperanto, sed por tio bedaŭrinde dume mankas efika strategio.

**Kion donis al vi la aktivado en TEJO?**
Kiam mi ekaktivis en TEJO mi iom post iom plicertiĝis, ke estas ankoraŭ la espero pri la fino de la lingvaj problemoj en internaciaj rilatoj. La aktivado en TEJO donis al mi la solidarecan spiriton, la eblon kunlabori grupe eĉ se nur rete.

**Kio, laŭ vi, estas la ĉefaj problemoj aŭ, male, atingoj kaj atutoj de la organizo?**
Laŭ miaj personaj impresoj la ĉefa problemo de la E-organizoj ĝenerale estas la financa nestabileco, precipe inter gejunuloj. Tiu problemo estas aparte grava por la Afrikaj gejunuloj, kies ebloj kompare al la ebloj de alikontinentaj gejunuloj estas multe pli limigitaj.

## FARIĜU KONSCIA SUBTENANTO DE TEJO
**Fariĝu patrono de TEJO**

Pagante la trioblon de vialanda MJ(T)-kotizo vi ne nur subtenas la esperantistan junularon; de TEJO vi ankaŭ ricevas:

- revuon Kontakto;
- bultenon TEJO-Tutmonde (oficiala organo de TEJO)
- akcepton dum la ĉiujara Universala Kongreso
- aliajn laŭokazajn servojn kaj publikigaĵon

## ĈU VI SERĈAS KORESPONDAMIKON?

Sendu al Koresponda Servo Mondskala jenajn detalojn: nomo, adreso, sekso, aĝo, profesio, geedza stato, kiom da korespondantoj vi deziras, en kiuj landoj kaj pri kiuj temoj. Kunsendu 2 internaciajn respondkuponojn, aŭ, se ili ne estas aĉeteblaj en via lando, ne uzitan poŝtmarkon. KSM pludonos viajn informojn al alia(j) korespondemulo(j), kiu(j) konformas al viaj deziroj. Vi ricevos rektan respondon. KSM estas servo de UEA.

Skribu: **Koresponda Servo Mondskala, B. P. 6, FR-55000, Longeville-en-Barrois, Francio**

## KOTIZTABELO DE UEA POR 2009

**MG** Membro kun Gvidlibro tra la Esperanto-movado
**MJ(-T)** Membro kun Jarlibro (kaj, ĝis inkl. 29 jaroj, membro de TEJO kun la revuo Kontakto sen plia abonpago)
**MA(-T)** Membro-Abonanto: kiel MJ(-T) plus la revuo Esperanto
**MA** ricevas la Jarlibron, la revuon Esperanto, kaj, ĝis inkl. 29 jaroj, la revuon Kontakto
**SA** Simpla abono al la revuo Esperanto, sen membreco en UEA
Kto Abono al la revuo Kontakto, sen membreco en UEA/TEJO
**SZ** Kotizo por Societo Zamenhof: mecenata kategorio (aldoniĝas al alia kotizo; ne inkluzivas membrecon en UEA)

| Lando/valuto | MG | MJ(-T) | MA(-T) | SA | Kto | SZ |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstralio/dolaro | 16 | 40 | 100 | 60 | s6 | 200 |
| Aŭstrio/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Belgio/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Brazilo/eŭro | 5 | 12 | 30 | 18 | 11 | 60 |
| Britio/pundo | 7 | 18 | 45 | 29 | 18 | 90 |
| Ĉehio/krono | 170 | 420 | 1050 | 670 | 425 | 2100 |
| Danio/krono | 70 | 175 | 440 | 280 | 180 | 880 |
| Estonio/krono | 100 | 240 | 600 | 380 | 245 | 1200 |
| Finnlando/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Francio/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Germanio/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Greklando/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Hispanio/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Hungario/forinto | 1600 | 4000 | 10000 | 6400 | 4000 | 20000 |
| Irlando/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Islando/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Israelo/eŭro | 7 | 18 | 45 | 27 | 16 | 90 |
| Italio/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Japanio/eno | 1500 | 3700 | 9200 | 5500 | 3300 | 18400 |
| Kanado/dolaro | 14 | 34 | 86 | 52 | 31 | 172 |
| Latvio/lato | 4 | 11 | 27 | 17 | 11 | 54 |
| Litovio/lido | 20 | 50 | 130 | 80 | 50 | 260 |
| Nederlando/eŭro | 10 | 24 | 59 | 38 | 23 | 118 |
| Norvegio/krono | 75 | 190 | 470 | 280 | 170 | 940 |
| Nov-Zelando/dolaro | 20 | 50 | 125 | 75 | 45 | 250 |
| Pollando/zloto | 20 | 50 | 130 | 80 | 50 | 260 |
| Portugalio/eŭro | 8 | 20 | 50 | 32 | 20 | 100 |
| Rusio/eŭro | 5 | 12 | 30 | 18 | 11 | 60 |
| Slovakio/eŭro | 7 | 17 | 42 | 27 | 17 | 84 |
| Slovenio/eŭro | 7 | 18 | 45 | 29 | 18 | 90 |
| Svedio/krono | 90 | 220 | 550 | 350 | 220 | 1100 |
| Svislando/franko | 15 | 38 | 95 | 57 | 34 | 190 |
| Usono/dolaro | 13 | 32 | 79 | 47 | 28 | 158 |
| TARIFO A/eŭro | 6 | 16 | 40 | 24 | 14 | 80 |
| TARIFO B/eŭro | 6 | 16 | 40 | 24 | 14 | 80 |

**ALIAJ LANDOJ** Luksemburgio laŭ Belgio; Kipro kaj Malto laŭ Slovenio.
**TARIFO A** Honkongo, Korea Resp., Singapuro, Sud-Afriko, Tajvano.
**TARIFO B** Ĉiuj ceteraj landoj ne jam menciitaj.

**KONTAKTO**: Dumonata socikultura revuo de **Tutmonda Esperantista Junulara Organizo** (TEJO), eldonata de **Universala Esperanto-Asocio** (UEA). Fondita en 1963. **N-roj 226-227** (2008:4-5), 44-a jarkolekto. **ISSN** 0023-3692. **Legata** en ĉ 90 landoj. **TTT-paĝo:** <http://www.tejo.org/eldonoj.jsp>. **Eldonanto** (administrado, abonoj, anoncoj): **UEA:** ✉ Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; tel.: +31 10 436 10 44, fakso: +31 10 436 17 51; ret-adreso: <uea@inter.nl.net>. **Redakcio:** Kontakto, ul. Rabochaja 24, kv. 29, Jalto, Krimeo, UA-98612, Ukrainio; ret-adreso: <kontakto@tejo.org>. **Redaktoro:** Paŭlo Moĵajev (Ukrainio) **Tipografiisto:** Lucas Vignoli Reis (kun helpo de skipo de Preface Design, <http://www.preface.com.br>). **Korektisto:** Aleksandro Galkin (Rusio/Germanio). **Presado:** Skonpres, Bydgoszcz (Pollando), ret-adreso: <skonpres@poczta.onet.pl>. **Konstantaj kunlaborantoj:** Joel Amis (Usono), Tatjana Auderskaja (Ukrainio), Daniel Richard Bebelacqua Acosta (Urugvajo), Daniele Binaghi (Italio), Olivier Gaudefroy (Francio), Etsuo Miyoshi (Japanio), Olubunmi Osho-Davies (Niĝerio), Maksim Petrov (Kazaĥio), Saliko (Finnlando), Aneta Ubik (Germanio), Jefim Zajdman (Ukrainio). **Facilingvaj Artikoloj** estas verkitaj en la niveloj *tre facila* kaj *facila*, laŭ la vortorlisto de Kontakto. Tiu listo aperas en la unua numero ĉiujare. **Anonctarifo:** tutpaĝa 350 EUR, 1/2-paĝa 190 EUR, 1/4-paĝa 100 EUR, 1/8-paĝa 55 EUR, 1/16-paĝa 30 EUR. Anoncoj sur kovrilpaĝoj kostas duoble. Por E-organizaĵoj 50% da rabato. Varbantoj de ekstermovadaj anoncoj ricevas makleraĵon de 30%. Por anoncoj bv. kontakti UEA. **Anoncetoj:** por *Anonctabulo* kostas tri internaciajn respondkuponojn po dek vortoj. Bv. sendi rekte al la redakcio aŭ al UEA. **Abontarifo:** varias laŭlande. Petu informojn de UEA. **Malfortvidantoj:** povas ricevi voĉlegitan eldonon senpage. Sendu 60-minutajn kasedojn al Elise Lauwen, Fort Alexanderstraat 16, NL-5241 XG Rosmalen, Nederlando. **Kontakto en radioj:** Regiono / tempo (UTC) / metroj / frekvencoj (kHz): Radio Havano (Kubo) Okcidenta kaj Norda Ameriko kaj Pacifika Azio / 7:00/31/9 820; Tuta Ameriko kaj Karibio / 15:00, 23:30/25/11 760; Eŭropo Mediteranea/ 19:30, 22:00/21/13 715; <http://216.138.240.229/rc4> (je la 15-a horo UTC), <http://roi.orf.at/esperanto/es_demand.html> (laŭ mendo tra la servilo de Austria Radio Internacia). ***La redakcio kaj la eldonanto ne respondecas pri la opinioj de unuopaj aŭtoroj.***

# La avo de si mem

*Roman Dobrzyński, Pollando*

facila

Antaŭ kelkaj jaroj dum Universala Kongreso de Esperanto mi konatiĝis kun **hispana** esperantistino kaj ŝia filino. Ili ambaŭ estis tre belaj kaj agrablaj, sed mia koro preferis la patrinon. En ŝia koro naskiĝis la reciproka sento, rezulte ni fariĝis geedzoj. Feliĉaj! Ĝis kiam ne en-miks-iĝis mia patro, kiu speciale lernis Esperanton por **amindumi** la filinon de mia edzino. Ankaŭ li sukcesis edziĝi kaj tiam komenciĝis la problemoj.

Mia edzino, kiel patrino de la edzino de mia patro, fariĝis bopatrino de sia... bopatro. Kaj mi? Mi fariĝis bopatro de mia patro. Nu, tio ankoraŭ estis el-ten-ebla, fakte eĉ amuza. Ĉu ne? Ĝis kiam la edzino de mia patro ne naskis infanon. La knabo, kiel filo de la filino de mia edzino, estas mia nepo. Sed kiel filo de mia patro, li estas mia frato. Tia-maniere mi fariĝis avo de mia frato.

Kiam mi jam al-kutim-iĝis al tiu stranga fakto, ankaŭ mia edzino naskis filon. La knabo, kiel mia filo, estas nepo de mia patro kaj de lia edzino. Sed kiel filo de mia edzino, li estas frato de la edzino de mia patro. Ali-vorte li estas nepo de sia fratino.

Ĉu vi komprenas? Eble mi klarigu ankoraŭ-foje. Aŭskultu: filo de mia patro, kiel filo de la filino de mia edzino estas mia nepo. Ĉu klare? Do lia patro devas esti mia filo. Sed lia patro estas mia patro, do mi estas patro de mia patro... Tamen mi tut-certe estas ankaŭ filo de mia patro. Rezulte: mi estas sam-tempe avo kaj nepo de mi mem. Mi estas mia propra avo.

Longe daŭris ĝis mi fine plene solvis tiun ĉi problemon. Sed tuj aperis la nova. Helpu al mi solvi ĝin, mi petas! Estas certe, ke tiuj du problemaj infanetoj estas duonhispanoj-**duonpoloj**. Do mi, kiel mia propra avo – ĉu mi estas ankoraŭ polo aŭ jam hispano?

**amindumi (am-ind-umi)** – peni plaĉi al iu por meriti ties amon
**hispanoj** – popolo, kiu loĝas en Hispanio
**poloj** – popolo, kiu loĝas en Pollando (la verkinto de la rakonto estas polo).

